XXIV-a jaro. N° 339 [11] Monata Novembro 1928

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER, Redakcio Dro Edmond PRIVAT kaj Hans JAKOB, Direktoro de UEA.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

REDAKCIO: *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*
*Lasta dato por ricevo: 1-a de ĉiu monato por la sekvanta monato.*
*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*
*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |


ENHAVO



## Printempa Konferenco en Frankfurt am Main

Ni jam esprimis ofte jenan opinion: ke nenio pli disvatigas Esperanton ol uzado praktika, speciale se ĝi fariĝas ne en fermita rondo de jam konvinkitoj, sed antaŭ okuloj aŭ oreloj de ekstera publiko. Tial ni per ĉiuj fortoj klopodis okazigi konferencojn aŭ kongresojn, kie esperanto servu, ne kiel temo de belaj rezolucioj, sed kiel efektiva lingvo de interkompreniĝo por aliaj rondoj ol la nuraj esperantistoj.



Post la sukcesa kunveno de instruistoj en Genève en 1921 okazis la du komercaj konferencoj en Venezia 1922 kaj en Parizo 1925, sed ili ankoraŭ ĉefe temis pri la disvastigo de nia lingvo en apartaj fakoj. La unua teknika konferenco *en* Esperanto, sed ne *pri* Esperanto, estis tiu pri radio en Genève 1924, poste la multe pli vasta pri Paco per Lernejo en Praha 1927. Lastan someron la interreligia kongreso pri paco en Hago kunigis eĉ 400 personojn diverslandajn.

Konstatante kiel sukcese funkcias nia lingvo parolata, la neesperantistaj kongresanoj konvinkiĝas sen ia ajn propaganda penado. Necesas daŭrigi tiun metodon kaj ĝin akceli en ĉiuj eblaj kampoj.

Je venonta Pasko 1929 estos la vico de interesatoj pri Turismo kaj Reklamo. Internacia konferenco pri tiuj temoj okazos en Frankfurt am Main laŭ invito de la tiea foiro, ja konata en la tuta mondo de l'komerco kaj trafiko kaj jam spertinta mem la utilecon de Esperanto por sia propra reklamo.

Ekzistas multaj plendoj kaj deziroj de la vojaĝantoj. Estos bone ke reprezentantoj de fervojaj kompanioj vojaĝagentejoj, turismaj oficejoj, ktp. ilin diskutu por proponi plifaciligojn en dogan- formalaĵoj, internaciaj biletoj, hortabeloj, ktp. Same pri hotellistoj, turisma reklamo, gvidlibroj aŭ prospektoj. Estos utile ke Esperanto servu por helpi al klarigo, faciligo kaj normigo de multaj tiaj detaloj ofte grevegaj en vojaĝo.

Samtempe UEA havos okazon organizi ekspozicion de la jam granda materialo de turisma reklamo presita en Esperanto. En Venezia 1922 estis dediĉita iom da spaco kaj tempo al tio, sed en Frankfurt la okazo estos enkoraŭ pli favora.

En nia Decembra numero ni donos pliajn necesajn detalojn pri la konferenco, sed jam nun ni rekomendas al ĉiuj, ke ili interesu fakulojn en sia urbo pri la afero kaj laŭeble decidu ankaŭ partopreni mem por helpi la sukceson de la afero.

Per Esperanto la vojaĝanta publiko havu sian internacian parlamenton en Frankfurt je Pasko 1929 !

Edmond PRIVAT.

# EL NATURO KAJ SCIENCOJ

## La estonto de l'karbo

De D-ro Eugen Diesel.

La uzado de oleo en la industrio kaj tekniko prezentas tiom da surprizigaj avantaĝoj, ke oni iom post iom transiros al plena enkonduko de tiu-ĉi hejtmaterialo. La motorŝipoj plimultiĝas je kosto de la vaporŝipoj, sed ankaŭ la hejtado de la vaporŝipoj per oleo anstataŭ karbo estas multe pli ekonomia, pli pura kaj pli oportuna. La transiro de la karbo al oleo prokrastiĝas nur tie, kie la karbo estas kompare pli malmulte-kosta.

Se la epoko de l'oleo atendigas ankoraŭ, hodiaŭ la teknikaj avantaĝoj de l'oleo estas nediskuteblaj. Sed la mondo devas konsideri nun baldaŭ pri ekmanko de petrolo, dume la karbminejoj ankoraŭ ne elĉerpiĝos.

Jam de kelka tempo oni produktas el la karbo per seka distilado likvan brulmaterialon. Pro diversaj kaŭzoj tiu-ĉi oleoproduktado estis de eta graveco. Intertempe oni sukcesis transigi ĉiuspecan karbon en likvan brulmaterialon laŭ la procedo de Bergius kaj Fischer, tiel ke reala sukceso ŝajnas certa. Jam estas komencitaj aŭ planitaj oleofabrikejoj laŭ tiu-ĉi metodo en Britujo kaj Germanujo. Laŭcela apliko de la procedo de Bergius estas la kombino de Oleo-fabrikejo kun gasfarejo. Anstataŭ gaso kaj koakso kiel ĝis nun, oni produktos gason kaj oleon.

Estas plej interese, prezenti al si la efikon de la karbolikviĝo. Ĉar ne plu minacus tumonda manko de la oleo, oni forlasus en ĉiuj uzinoj kaj fabrikejoj la bruligadon de ŝtonkarbo sur fajrokrado.

Oni produktos la varmodonantajn flamojn aŭ miksaĵojn per rigore serveblaj likvaĵ-ajutoj, en kaldronoj, motorcilindroj aŭ en gasigiloj. Ĉar la novaj vapormaŝinoj laboras sub forta altpremo (tensio) kaj supervarmigo kaj montras altan gradon de perfekteco, fariĝos kiel senpera rezultato de la karbolikviĝo konkuro inter vapor- kaj eksplodmaŝino. Ambaŭ maŝinoj ja uzos la saman brulmaterialon. Kiel sekvo el tio estos atendebla pliaj progresoj en la konstruado de la du maŝinspecoj. Ĉe centra hejtigado kaj ĉe aliaj instaloj por varmigado oni same preferos la novan brulmaterialon kaj de nun reguligi hejt-ajutojn per la manradeto, anstataŭ ĵeti karbon en la fajrotruon.

La procedo de Bergius permesas ankaŭ la produktadon de gaso krom oleo. Estas stranga koincido, ke la gasigo de la karbo surloke de la minejo kaj la transigado malproksimen fariĝis tute nuntempa problemo sendepende de tiu de la likvigita karbo. Parte jam la teknika evoluo puŝis al tio. En Usono kaj en la Ruhrteritorio jam grandaj distancoj estas transpasitaj per la gaskondukiloj. Rezultis nature ekonomiaj avantaĝoj por la urboj kontrakte ligataj al la mineja gaso. Parte temas pri necesegaj ekonomiaj bezonoj. La karbominejoj posedas kvantojn konsiderindajn de malfacile vendeblaj karbospecoj, de kies racia valorigo t.e. gasigo, dependos la rentebleco de la minejo. Sub la premo de tiu-ĉi cirkonstanco, la livero de gaso je distanco por Berlino el la Ruhr aŭ el Silezio venis en la centron de l'intereso. Ankaŭ en Britujo la problemo estas aktuala.

Pro tio ke ankaŭ evoluiĝos la unuopaj teknikaj kaj ekonomiaj faktoroj, ne estas dubeble ke enkondukiĝos la distanca transporto de preta gaso kaj oleo kaj retsimile trairos ĉiujn landojn.

La avantaĝoj estas tro grandaj. Transporto kaj uzado de la brulmaterialoj estas faciligotaj kaj malaltprezaj. Multaj disigitaj unuopaj gasejoj kaj oleofabrikejoj estas kunigotaj en pli grandajn entreprenojn apud la produktejoj de la karbo.

Estonte oni ne plu perdos energion per la primitiva transporto de ŝtonpecoj diversformaj kaj malŝparos lokon por deponi la karbon. Ne plu la karbo, deponita kiel ŝutamaso pleniĝos je akvo, kaŭzonta perdon de varmoforto kaj enuon en la karbokomercado. Oni ne plu transportos la nebruligeblajn residuojn de la karbo ĝis la loko de la bruligado kaj tie ilin igos skorio kaj cindro. La transporto de niaj brulmaterialoj ne plu efektiviĝos sur la vojo de minejo ĝis la ŝutmonteto, de fervoja vagono kaj ĉarveturilo al novaj ŝutmontetoj kaj deponejoj. Nenia perdo plu kaj nenia malpurigado tiom konata ĉe transporto de karbo. La senfinaj karbotrajnoj malaperos. La konduko de energio kaj materio de la estonto estas la tubaro, konsistanta el kelkaj tuboj por diversaj oleoj kaj gasoj. Per la sama vojo povos funkcii la kabloj de la granddistanca elektra uzino. Ĉiu domo en urbo kaj kamparo havos sian kontakton por oleo kaj gaso. La aŭtomobilposedanto de l'estonto funkciigas sian motoron por peza oleo per la oleo kiun li prenas el la kontakto en sia domo kaj li pagas monate laŭ la montro de la kontrolilo.

La evoluo de tiu-ĉi gaso-kaj oleokondukoj aperas ekster ia dubo, ke ekzemple la Prusa Ministerio por komerco jam sin okupis pri la problemo de la kanalkonstruo, ĉar la karbotransporto sur la akvovojo ja certe malgrandiĝos.

Oni rajte povas supozi, laŭ la teknika kaj ekonomia evoluo, ke ankaŭ la elektro-farejoj stariĝos pli kaj pli apud la karbominejoj, metodo jam ekzistanta en la Ruhrteritorio kaj en la brunkarba regiono germana. Sed komplikiĝas tiam la demandoj pri la ekonomieco kaj laŭceleco pro la konkurenco de la oleo-kaj gaskonsumo, ĉar ambaŭ celas la samon kiel la elektro nome la produktadon de varmo kaj energio. Montriĝas plie ke kalkulo de la ciferoj valorantaj hodiaŭ, la instalo de elektro centraloj por granda distanco ne rekomendiĝas. La lumigado de la urboj estas pli avantaĝe farata de propraj elektrejoj anstataŭ de granddistanca centralo, escepte tie kie temas pri malmultekosta akvoforto. Malgraŭ tio oni povas antaŭdiri kun certeco, ke ekonomiaj kondiĉoj puŝos la elektro-centralojn al la Centroj de gaso, oleo kaj karbo kaj uzi la tubvojon por la kabloj. Ĉi-tio valoras en tiuj regionoj kiuj nur komencas starigi modernan energi-kaj varmomastrumadon kaj kiuj povas deiri de la grandioza kuniĝo kiuj distingas estonte la produktejojn de gaso kaj oleo.

Dume la malnovaj civilizitaj landoj transformos la produktadon de energio de la komenco, la landoj kun apenaŭ ekspluatitaj karbominejoj povas adaptiĝi al la nova metodo kaj ĉiuokaze je multe malpli altaj kostoj. Estas malpli multekosta starigi produktojojn de elektro, gaso kaj oleo proksime aŭ apud la karbominejo kaj fortransporti la energion par tubaro kaj kablaro. Ekzemple en Ĉinujo kie ampleksaj karbokuŝoj atendas la ekspluaton.

Efektive la vizaĝo de la tero pli kaj pli similas je granda urbo. Cirkaŭ la globo kuŝas tubaroj kiel ili estas jam nun sub la trotuaro de la urboj. Sed samtempe okazos alia transformo: dume la aliformiĝo de la karbo en pli elasta formo fariĝas en la grandaj centroj apud la minejoj, la agado de l'homo estos malcentrigata aliloke. Li ne plu estas ligata al la grandaj energicentroj kiel antaŭe. Ĉie en la lando troviĝas varmo, energio, oleo, gaso kaj al ĉiu loko ili venos en plej mallonga tempo. Kaj la novaj materioj estas sen fumo kaj sen fulgo.

La fabrika kvartalo ne plus tedos kaj naŭzos la homojn, kiuj loĝas proksime kaj la malnatura disiĝo de urbo en loĝa kaj industria partoj mildiĝos en certa grado.

La ŝanĝoj kiujn alportos la nova energia mastrumado en la ĉiutaga vivo estas konsiderindaj. Ekestos novaj kondiĉoj tutmondaj kaj socialpolitikaj. Monopoloj estas forigataj kaj komencos nova ludo de fortoj.

## NOTOJ

*Novaj nomoj en Ĉinujo.* — Oni memoras bone kiam post la fino de la milito la renoviĝintaj ŝtatoj alinomigis urbojn aŭ redonis malnovan formon nacian. En Ruslando oni sisteme forigis la nomojn kiuj memorigis je historiaj okazintaĵoj aŭ personoj. En Norvegio oni ŝanĝis la nomojn de estinta Christiania kaj Fredrikshald en Oslo kaj Halden. En Persujo la nomo de la urbo Bender-Abbas transformiĝis en Bender-Pahlevi. La Ĉina Nacia Registaro decidis ŝanĝi la nomon de Pekino, de nun Peipino kaj la provinco Ĉilio nomiĝas nun Hopeio kio signifas ke ĝi lokiĝas en la mordo de la Flava Rivero (Ho-Pei-Ho).

*Leviĝo de la mara fundo.* — Kiel sekvo de la granda tertremo japana 1923 okazis grandegaj ŝanĝoj de la mara grundo. La mezurado de la japana maristaro evidentigis ke la mara grundo ĉirkaŭ 700 kv.km. malaltiĝis. Apude oni konstatis sudokcidente de Jokohama, leviĝon je amplekso de 240 km. La plej profunda malleviĝo mezurita estas 720 m. kaj la plej alta leviĝo 318 m. Tio estas moviĝoj de la tera krusto je tia mezuro kian oni ne konis ĝis nun aŭ eĉ konsideris ebla. Ne estas fiksebla ĉu tio fariĝis je unu bato aŭ ĉu ili dividiĝis je pli longa tempo. Ĉiuokaze la kastastrofo instruas ke la ŝanĝiĝo de la terkrusto ne okazis tiom kontinua kaj sinsekva kiel nombro de geologoj opiniis ĝis nun. La tero bezonis longan tempon por kvietiĝi post la unua skuo. La nombro de la postaj skuoj je la unua tago estis en Tokio 213 je la dua 177 kaj je la tripla 105. La ondego kiu poste fluis super la marbordoj estis alta sep metrojn ĝi estis do malgranda kompare al la grandeco de la moviĝo. Ĝi tamen estis tiom forta por dronigi milojn da homoj kaj superakvigi grandajn terenojn.

*Indiana renesanco.* — Artikolo en la gazeto « Temps » enhavis interesajn detalojn pri la kresko de la renaskiĝa movado ĉe la indianoj en Suda kaj Centra Ameriko. La silenta agrara revolucio en Meksiko karakteriziĝis kiel repostulo de la grundo per la indiana elemento. Multaj hispanaj aŭ kreolaj grandbienuloj perdis posedaĵon sekve de perfortaj atakoj de indianaj kamparanoj sekvantaj malamon kelkcentjaran kontraŭ la « Gaŝupinoj » (Moknomo por hispanoj). Rimarkinde estas, ke la meksikano nuntempa konsideras kiel heroon de la sendependeco la lastan imperiestron Guatemoc, mortigita dum la konkera epoko. Lia monumento estis donacita de Brazilo al Meksiko en 1922 kiam la unua festis sian sendependiĝon centjaran de Portugalo. Alia signo de la evoluo de tiu-ĉi indianismo estas la plano diskutita en la respubliko San Salvador, ŝanĝi la nomon de la ŝtato. Anstataŭ la bonsona, latina kaj kristana nomo donita de la hispanoj, San Salvador nomiĝus Cuscatlan, kiel ĝin nomas la indiĝenaj indianoj. La ĉefurbo kiu ankaŭ nomiĝas San Salvador akceptus la nomon Atlacatl la nomo de la indiana estro kiu defendis la landon kontraŭ la konkerinto Alvarado kaj kiu mortis sur la brulŝtiparo.

## En amara horo

DE DRO KOLOMANO DE KALOCSAY

Al la popolo esperantista.

*Nenio estas vi, nenio,*
*Se pri la senco sen konscio*
*Vi blekas pri la nova sento.*
*Mi volus scii vin fermento,*
*Potenca povo, fort' magia,*
*Dormema « rondo familia ».*

*Ĉu la ĝis kreva himnokanto,*
*Kolekta koresponda vanto*
*Kaj ke pri gramatikreguloj*
*Disputas aro de stranguloj*
*Rajdante sur la Fundamento:*
*Jen estas do la « nova sento » ?*

*Ke rifuĝante de la devoj*
*Nur gapas vi kun strabaj revoj*
*Kaj alpreninte dignan pozon*
*Kelkfoje ĵetas vi almozon*
*Sur la altaron de l'Afero —*
*Ĉu tio estas do ofero ?*

*Jes, ne laciĝos rond' sagaca*
*En sia « mallaboro paca ».*
*En junaj koroj, el la flamo*
*De tiu fama « sankta amo »*
*La fajro por la amindumo,*
*Por la afero — restas fumo.*

*Mi batas, fraton batas frato*
*Lin mem turmentas ĉiu bato.*
*Ho gento, gento, verda gento,*
*Mi volus scii vin fermento,*
*Potenca povo, gvida torĉo,*
*En sorĉ' malbona — bona sorĉo.*

*Kaj kvankam stranga sekto eta,*
*Sed fidi, lukti, venki preta,*
*Por kiu, spite al la moko,*
*« Tra l'mond iranta forta voko »*
*Ne sangmalriĉa iluzio,*
*Sed estas kredo, religio.*

*Oferoj nutras la aspirojn,*
*Postulas ĉiu venk' — martirojn...*
*Ne kovru pale vian vangon,*
*Neniu volas vian sangon,*
*Nur donon, faron kaj fervoron*
*Kaj koron, — sed la tutan koron.*

*Sed ĉio vana! Mi konscias,*
*Ke en dezerto mi elkrias,*
*Vi restas plue en kvieto*
*Amuziĝanta societo.*
*Ho, kie estas la konsolo*
*Por mi — poeto sen popolo ?*

**Kun la nuna numero estas sendata la Bulteno de la Internacia Labora Oficejo, n-ro 30.**

# LITERATURO

## Sinofera Leporo

*Rakonto de Buddha*

Ĉar juna riĉulo el Benares decidis sekvi la Feliĉulon Buddha kaj vivi sankte, pluraj amikoj de la junulo, interalie Vimala, trovis lian decidon ridinda. Iris ili al parko por retrovi la kunulon inter la disciploj de la Feliĉulo. Ĝuste Buddha estis instruanta tie, kiam ili alvenis.

« Iam lirakontis, asketo loĝadis mizere en montara groto. El arboŝeloj li sin vestis, nur akvon trinkadis kaj nur sovaĝajn berojn aŭ radikojn manĝadis. Sola kunulo al li estis leporo. Tiu besto scipovis paroli kiel homoj kaj ŝatis diskuti kun asketo. Ĝi profitis liajn instruojn kaj klopodis al saĝo.

Nun venis jaro de granda seko; jam ne fluis la montaj fontoj, jam ne portis florojn nek fruktojn la arboj. La saĝulo ne trovis plu kion manĝi aŭ trinki: al li jam maŭzis la solejo. Tagon li eĉ forĵetis sian ŝelvestaĵon.

Lin demandis la leporo vidinte « Amiko, kion vi faras? — Vi ja vidas ĝin respondis asketo, mi ne volas plu surporti tiun veston. — Nu, rediris la leporo, ĉu vi forlasos la montaron? — Jes, mi iros tien, kie vivas homoj. Tie mi ricevos almozojn kaj mi povos manĝi. Ĉiuokaze la manĝaĵoj estos pli bonaj ol beroj kaj radikoj.»

Tiaj paroloj malĝojigis la leporon; ĝi ekŝajnis kvazaŭ infano forlasota de l'patro. Ekkriis ĝi: « Ne iru, amiko! Ne lasu min sola! Ĉu vi ne scias plie, ke perdiĝas animo per loĝado en urboj? Sole merita estas la vivado soleca en arbaro ».

Sed asketo restis neŝanceligebla; decidinte foriri, li foriros. Tiam diris la leporo: « Vi volas forlasi la montaron do forlasu! Tamen faru al mi la bonvolon atendi ankoraŭ unn tagon, nur unu. Hodiaŭ restu. Morgaŭ vi agos laŭplaĉe. »

Asketo pensis: « Leporoj estas lertaj por trovi nutraĵojn kaj eĉ ofte konservas rezervojn. Morgaŭ sendube ĝi alportos ian manĝaĵon. » Li do promesis ne foriri antaŭ la morgaŭo kaj la leporo foriris tute ĝoje.

Asketo estis unu el tiuj, kiuj respektegas Agni kaj tial li ĉiam zorgadis, ke fajro brulu daŭre en la groto. « Manke je manĝo, li pensis, mi tenos min ĉe varmo atendante la leporon.»

La morgaŭan matenon frue alvenis la leporo: nenion ĝi alportis. Bedaŭro montriĝis sur la vizaĝo de l'asketo. Sed jen lin salutis la leporo kaj diris: « Ni, bestoj, posedas nek saĝon, nek kleron: pardonu min, granda asketo, se mi iel kulpiĝis kontraŭ vi » kaj subite, per salto ĝi falis en la fajron : « Kion vi faras? ekkriis Asketo kaj alkuris al la fajro. Li eltiris la leporon, kiu diris tiam: « Mi ne volas, ke vi rompu la devon, mi ne volas, ke vi forlasu vian rifuĝon. Estas ĉi tie nenio plu por vin nutri; do mi dediĉis mian korpon al fajro; prenu ĝin, amiko, manĝu mian karnon kaj restu en la montara solejo. »

Kortuŝinte, l'asketo respondis: « Mi ne iros al urboj kaj, eĉ se mi mortos pro malsato, mi restos ĉi tie ». La leporo estis tre feliĉa, ĝi rigardis al ĉielo kaj faris jenan preĝon:

« Indra, mi ĉiam vivadis amante solecon; bonvolu min aŭdi kaj permesu ke falu pluvo. Indra aŭdis la preĝon de l'leporo kaj forta pluvo ekfalis. Baldaŭ ambaŭ amikoj trovis en montaro ĉiun bezonatan nutraĵon ».

Post mallonga silento, aldonis la Feliĉulo Buddha: « En tiu tempo, ho disciploj, la leporo estis mi, kaj la asketo estis unu el la junuloj ĵus enirintaj la parkon kun malbonaj intencoj. Estis vi, ho Vimala! » Li stariĝis « Same kiel en la montara groto mi gardis vin de l'malbona vojo, ho Vimala nun foriĝinte Buddha, mi montros al vi la sanktan vojon; viaj okuloj vidos, viaj oreloj aŭdos kaj jen vi jam ruĝiĝas pro honto, ke vi provis forrabi de l'savo vian amikon plej karan. »

Vimala sin ĵetis al la piedoj de l'Feliĉulo. Li diris sian fidon kaj estis akceptita inter la disciploj.

El Avadânaçataka laŭ A.F. Herold, trad. Edm. Privat.

## TRA LA LIBRARO

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko « Novaj libroj ». Sub titolo: « Tra la libraro » aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

*Literaturo. — Fakverkoj. — Lernolibroj.*

Preskaŭ samtempa apero de tri originalaj verkoj, el kiuj du verskolektoj, jen granda plezuro por literaturamanto.

S-ro Schwartz estas tiom lerta en prozo, kiom en versoj. Ĉiu, kiun ridigis la komikaĵoj de l'« Verdkata Testamento », certe deziros legi lian novan libron: *Prozo ridetanta*, kun pli ol dudek tre ŝercaj rakontoj; (noveloj ili ne estas malgraŭ la subtitolo). Se verkisto tiel utiligas nian lingvon, kaj eĉ ĝian specialan vortformadon, por bonhumoraj ŝercoj, tio pruvas kiom muldebla estas Esperanto, kaj kiom ĝin plene majstras la aŭtoro. Ĉu li akceptos tiun rimarketon? Se ni volonte aŭdas pri kabareto nomata Odora Cimo, aŭ Gaja Pediko, se ĵurnalo estas titolita Nostalgia Amaso, se la herooj estas Ŝmirman, Kilafan, epor, Kolbas, Pagagul, Lak Sigil, kaj la heroinoj Orlana, Meleagra, Vazelina, tio estas tre amuza; sed aliflanke, nomojn, kiel Eskargo, Astiko, Dusabre, Ribouis, Lasoupe, Goussedail, k.a., povas ĝui nur franclingvano, kaj ties privilegio ne estas pravigebla. Kelkaj el la rakontoj jam aperis en niaj gazetoj; ilin oni ne povas resumi; ĉiu ŝercemulo havu mem la plezuron sperti, kiom da neatenditaj faktoj, situacioj, personoj, vortludoj, eĉ mokoj al la esperantaj manioj, la sprita verkinto elpensis. Lia stilo estas senriproĉa kaj per agrabla distraĵo la leganto samtempe ricevas lecionon pri modela esperanta prozo.

Ne malpli lerta, nek malpli sprita, estas S-ro Misu Beraru en sia artfajraĵo *Spite la vivon!* Jen nova ĵonglisto de vortoj kaj rimoj, ĉu en originalaj poezioj, ĉu en parodioj, ĉu en la moka poemo: *Tra la infero*. Ĉu vi mem estas poeto? Jes,

*« Se vi povas*
*Viveme, laŭ interna voko,*
*petoli vigle kiel koko,*
*aŭ talente kaj plensente,*
*kun akompano de kantil'*
*poeti pri l'*
*monat' april',-*
*vi komprenas poezion,*
*vi estimas melodion. »*

Kun la plezuro rimigi vortojn malofte kunigitajn estas priskribata la neekzisto:

*« Ne ekzistas ran' kun vosto:*
*Nek festen' kun tosto;*
*Nek fiakro kun tri radoj*
*Aŭ kongres sen paroladoj.*
*Nek man' sen kubuto,*
*Asert' sen refuto.*
*Sed ekzistas-ve! — ĉikanoj,*
*Inter ni, samideanoj!*

*Ne ekzistas arb' sen ŝelo,*
*Nek sur poplo mirabelo;*
*Nek vizaĝo sen mieno*
*Aŭ vivado sen ĉagreno,*
*Nek dolĉa olivo,*
*Nek rekta deklivo.*
*Sed ekzistas, (mi mem kredas)*
*Fuŝversistoj kiuj tedas. »*

Vortludemo akceptigos tiun fableton:

*« Alaŭdino, pacience,*
*Aŭskultas fanfaronon*
*De alaŭdo ŝin amanta;*
*Sed ŝi kredas nek duonon*
*El la vortoj fanfaronaj*
*De nia vir-alaŭdo;*
*Ĉar ŝi scias ja ke tio*
*Nur estas vira... laŭdo. »*

Ĉu ne plaĉas la ritmo de Balado, kies unua strofo estas:

*« Sur alta rok'*
*ĉe mara bord',*
*dum la barbara mezepok',*
*staris el*
*granito kaj cement',*
*sur firma fundament',*
*prakastel'.*
*Loĝadis ĝin*
*nur princidin'. »*

Jen « La vojo » de l'edzino:

*« L'obstino, sciemo kaj malpacienco,*
*Jen estas la... virtoj per kies potenco,*
*Ŝi loge kaj ĉarme, kun falsa sopiro,*
*Atingis la koron de l'viro. »*

Kaj drameto en kelkaj vortoj:

*« Mi iras vian domon...*
*Mallumo. Lamp'! Esplor'!*
*Ŝtelado! Rab'! Pakaĵo*
*kaj for! »*

Sed anstataŭ eroj, la leganto deziras almenaŭ unu tutan poezion, eĉ mallongan. Jen ĝi.

*Fanfaronoj.*

*Dum nokto, en provinc' hispana,*
*Renkontis sin-fatal' ĉikana!-*
*Don Kiĥot' — sen pika lanc',*
*Don Juan' — se nama ŝanc'...*

*Kaj iĝis ili, sen skrupuloj,*
*Dumnoktaj, pro em', kunuloj...*
*Don Kiĥoto — sen obstin',*
*Don Juan — sen amatin'...*

*Ĉar ambaŭ sin ekkoni volis,*
*Pri siaj vivoj priparolis:*
*Don Kiĥoto — pri honor',*
*Don Juan' pri amfervor'.*

*Kaj kiel ĝentilec' postulis,*
*Sin ili ŝanĝe tuj gratulis:*
*Don Kiĥoto — per aplaŭd',*
*Don Juan' — per moka laŭd'.*

*Promenis sur la ter' hispana*
*Ĝistage, tiu par' romana.*
*Don Kiĥoto — sen duel',*
*Don Juan' — sen ama cel'.*

Lukse eldonita estas alia poezia verko *Amo kaj Poezio*, en kiu S-ro Jan van Schoor kolektis sian laboron de multaj jaroj. La enhavo bone respondas la titolon, kaj plenumas kion oni povas postuli de lerta versisto, de poeta inspiro. Pri la prozodio uzata, ĝi estas ĝenerale la komune akceptata ritma verso, sed, ĉe kelkaj lokoj, ĝi glitas al la laŭfranca silabnombra verso, kiu ŝajnas plimalbone akordiĝi kun la konsisto de nia lingvo. Prave la aŭtoro ne katenas sin per rigora rimado, sed ofte ellasas asonancojn. La pli granda parto de la poemetoj estas originalaj; nur kelkaj estas imitaĵoj de germanaj, flandraj, aŭ francaj versaĵoj. Se la aŭtoro ne atingis la majstrecon de kelkaj tre malmutaj unuarangaj niaj bardoj, li tamen lokas sin multe pli alte ol la svarmado de niaj poetoj. Liaj facilaj, plaĉaj, amaj kantetoj certe renkontos ŝaton. Pli ol vortoj diros du ekzemploj el du partoj de l' libro

*En la fruktarbejo.*

*En la fruktarbejo ni ambaŭ deskuis*
*de l'arboj naturajn la pomojn;*
*la fruktoj sukplenaj kaj ruĝaj disŝutis*
*ĉirkaŭen dolĉegajn aromojn.*

*De tempo al tempo avide ni mordis*
*ridante en saman la pomon:*
*ni tute forgesis, ke ago simila*
*faligis unuan la homon.*

*Subite ventegis, ekpluvis kaj fulmis,*
*la ŝtormo kolere ekmuĝis,*
*la pluvo falegis kvazaŭ per riveroj,*
*Sub arbo ni ambaŭ rifuĝis.*

*La robon vi levis sur vian kapeton*
*kaj ĝi je la pluvo nin tegis;*
*sed tie ĉi ankaŭ subite pluvego...*
*de kisoj sonantaj pluvegis!*

*Vintro.*

*Morta kuŝas nun la ter'*
*sub vual' arĝenta;*
*griza estas la veter'*
*kaj la kor sensenta.*

*Griza estas la ĉiel',*
*for la ora suno;*
*Ĉie la duonmalhel'*
*pezas kvazaŭ puno*

*Sur ebena la kampar'*
*l'arboj staras nudaj;*
*ter', ĉiel', aero, mar',*
*ŝajnas ĉiuj mutaj.*

*Malvarmega la veter',*
*ĉio sen koloro;*
*vintro regas sur la ter',*
*regas en la kor'.*

Kvankam ne originalaj, la tradukoj de pli ol cent hungaraj popol kaj laboristaj kantoj, kunigitaj en la libreto *Ni kantu*, ankaŭ havas literaturan valoron. Ili estas kantotaj laŭ la hungaraj melodioj troveblaj per la hungarlingvaj titoloj, aŭ komencvortoj. Tiujn ofte ĉarmaj poezietoj, kiujn ni ne povas kompari kun la originalaĵoj, superas la ĝis nun publikigitajn tiajn kolektojn laŭ lingva kaj poezia vidpunktoj. Por fremdulo, pej interesaj estas la popolkantoj, kiuj iel malkaŝas, ion el la popolanimo, kaj tamen, pro la simileco de l'temoj, ankaŭ montras parencecon de ŝajne tre apartaj gentoj. Jen kelkaj el tiuj kanttekstoj kiel ekzemplo.

*Flugu, fluojn, kokcinel',*
*Amsendit' flugila,*
*Al la bel virinet',*
*Al la kol' blankbrila.*
*Kaj parolu al ŝi pri*
*Mia sent' adora,*
*Kisu ŝin anstataŭ mi*
*ĉe la kol' marmora.*

*Ĉar tiklema estas la*
*Virinet' ĉe-kole,*
*Inter fingroj pli suben*
*Glitu do petole.*
*Poste flugu al, mi kaj*
*Flustru al orelo*
*Kion vidis tie vi,*
*Eta kokcinelo.*

*Se mi povus, se mi povus al la reĝo eniri,*
*Al la reĝo, reĝa moŝto mian peton eldiri.*
*Do mi dirus al la reĝ' senbalbute:*
*Li knabinojn, li knabinojn ankaŭ varbu rekrute.*
*Sed la reĝo, sed la reĝo donis jam en la dekreto:*
*Ne konvenas soldatĉapo al la knabina kapeto.*
*Sin konvenas larĝaj jupoj tridektri,*
*Kaj ĉe la jup: iu el infanteri'.*

*Batis deke, dekunue, dekdue...*
*— Blondulino kien tiel malfrue?*
*— Kion koncernas vin,*
*Gardu bone pri l' nazfin',*
*Se vi ĉien ŝovas ĝin.*
*Rond-ĉapelon mi aĉetos,*
*Rosmarenon mi ĉemetos,*
*Bonodoros stratoj,*
*Ĉie, kie mi irados.*
*Je mi belulinoj*
*Sopirados.*

*Domon faros mi ŝtonmure,*
*Amatin', karulin', belulin'.*
*Kaj fenestrojn tricent sure,*
*Amatin', karulin', belulin',*
*Meze spegulĉambro estos*
*En kiu sin por mi vestos*
*Amatin', karulin', belulin'.*

*Kuirejon mi rapidis,*
*Mi la pipon ekbruligis.*
*Estus mi ekbruliginta,*
*Se ne estus ĝi brulinta.*

*Mia pipo brulis bone,*
*Mi ne tial iris, ho ne.*
*Mi eniris, ĉar mi vidis,*
*Ke knabino tie sidis.*

*La aminda fajron faris*
*Jam la fajro gaje knaris.*
*Sed pli grandaj, brilaj bruloj*
*Estis ĉe ŝi, en okuloj.*

*Alrigardis ŝi serene,*
*Kaj ensorĉis ŝi min plene.*
*Estingiĝis pip' brulanta*
*Kaj ekbrulis kor' dormanta.*

Kiuj ŝatas religian traktaĵon, kun multaj citaĵoj el la Biblio, utiligataj por iom mezepoka skolastika diskutado, kun atakoj al la ĉefaj eklezioj, tiuj trovos agrabla la broŝuron *Kie la mortintoj?* Kiuj emas studon valoran, ĉu science, ĉu etike, ĉu literature, ĉu lingve, tiuj ne trovos veran kontenton dum ties legado.

En la broŝuro: *La Humanitaristaj Principoj kaj la Internacio de la Intelektuloj*, de rumana aŭtoro, ĉio dirata kaj proponata estas tre laŭdinda; ne nur laboristoj, sed kleruloj, kondukantoj kaj progresigantoj de l'homaro, devas intenacie unuiĝi, kunlabori kontraŭ la perarmilan batalon, la ŝovinistan naciismon, kuncentrigi siajn klopodojn por lukto la naturajn fortojn, celante al toleremo, al alta sensuperstiĉa kredaro, al nobla tuthomara moralo. Kiun, tiu estonteco altiras, tiu legu la verketon kaj aliĝu la movadon.

*Gromada*, nomo de Blankrusa Kamparan-Laborista Unio, estas ankaŭ la titolo de esperantigita pledado por Okcidenta Blankrusujo, kaj plendado kontraŭ la Pola regado en tiu regiono. Malfacile estas por fremdulo ekscii ĉu tiuj akraj riproĉoj estas pravaj, sed el tiaj diversdevenaj alvokoj, oni komprenas kiom la rajtoj de l'malplejmultaroj bezonas protekton, kiun grandan taskon havas la Ligo de Nacioj ĝis plena paciĝo en Eŭropo.

---

Dua kajero, aldono al la unua parto de lernolibro por Germanoj: *Esperanto durch Sprechen* de Prof. D-r Göhl aperis; la instruo bazas sin sur la legotekstoj de tiu unua parto sed alportas plian materion pri gramatiko kaj vortformado; ĝi estas do taŭga por dua, ripeta kurso, kiel aukaŭ por memlernado.

La *Deutsch-Esperanto Wörterbuch* de D-r Emil Pfeffer jam atingas duan eldonon; la malkareco kaj boneco de tiu praktika vortaro por komencantoj komprenigas tiun sukceson. Efektive, krom malofta terminoj, kiuj estas nuraj esperantigoj de germanaj radikoj, ĝi, ne konkurante pli ampleksajn verkojn, estas fidinda laborilo.

La *Supera Kurso* de D-ro Leopold Dreher estos bone akceptata; jam kelkaj tiaj lernolibroj aperis, sed nacilingve verkitaj. Estas tamen laŭcele de post unua nacilingva lernolibro, dua kurso estu internacia, tiel helpante unuecigi la instruadon. La legaĵoj de la dek lecionoj estas taŭge elektitaj, sufiĉe ampleksaj por anstataŭi legolibreton, kaj liveras la ekzemplojn por gramatikaj klarigoj; ekzerctaskoj ebligas laborigi senhelpe la lernantojn. Ĉefaj delikataj punktoj de nia lingvo estas vice ekzamenataj: atributo kaj predikato, si kaj sia, igi kaj iĝi, preciza uzo de certaj afiksoj aŭ prepozicioj; multaj rimarkoj aŭ atentigoj pruvas spertecon de l'aŭtoro pri Esperanto kaj pri instruado. Ne ĉion klarigendan enhavas la libro, ĉar kurso ne povas daŭri tre longe, kaj kursolibro ne estas plena gramatiko. Studado de la Supera Kurso certe helpos plenposedi nian lingvon.

La Nova sistemo de Stenografio de S-ro F. de Kunovski, sama por ĉiuj lingvoj, estas prezentata per esperanto enkonduko, kaj unua parto por lingvoj: Germana, Angla, Franca, Hispana, Itala, pola Rusa. Du aliaj partoj montros la uzon por 14 aliaj lingvoj. Tiu *Internacionalstenografio* similas la sistemojn uzatajn en Germanujo, kaj pro la graveco de la problemo maritas seriozan atenton.

G. S. 15 septembro 1928.

# Novaj libroj

*Prozo ridetanta.* Noveloj originale verkitaj de RAYMOND SCHWARTZ. 1928.
Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris. IXe.
174 paĝoj, 12 ½×16 ½ cm. Prezo: 14.— fr. fr.

*Spite la vivon!* Mezgajaj poemoj originalaj kaj parodiaj de MISU BERARU. 1928.
Esperanto-Instituto Rumana. St. Gl. Grigorescu, 55-57, Cluj, România. 112 paĝoj, 12×16 ½ cm.
Prezo: 40 lei; eksterlande afr. 2.— sv. fr.

*Amo ḱaj poezio.* JAN VAN SCHOOR. 1928. Havebla ĉe la aŭtoro, Jan van Schoor, Julius de Geyterstraat, 149/1. Antwerpen. 96 paĝoj, 14×19 cm. Prezo: 2.— Belgoj.

*Ni ḱantu!* Kolekto de 108 hungaraj popol-kaj laboristaj kantoj. 1928.
Eldonis: Librovendejo de Hungaria Esperantista Societo Laborista, Budapest. 62 paĝoj, 12×15 cm.
Prezo: broŝ. 1.10; bind. 1,80 pengo.

Kie estas la mortintoj? La respondo de la Biblio de J. F. Rutherford. Eldonis Internacia asocio de Biblio-studantoj.
Poŝtfako 15988, Baden, Svisujo. 62 paĝoj, 12× 18 cm.
Prezo: 0,50 sv. fr.

*La Humanitaristaj Principoj ḱaj la Internacio de la Intelekṫuloj.* EUGEN RELGIS. 1928.
Belga Esperanto-Instituto, 11 Kleine Hondstraat, Antwerpen, Beljugo. 48 paĝoj, 14×21 cm.
Prezo: 0,50 sv. fr.

*Gromada.* Okcidenta Blankrusa Kamparan-Laborista Unio « Gromada » Elblankrusigis DIM. SNEĴKO. Minsk. 1928.
Havebla ĉe « S.A.T. », Colmstr. 1. Leipzig, 0.27.
32 paĝoj, 15 ½×23 cm. Prezo: 0.30 mark.

*Esperanto durch Sprechen.* Ergänzung zum I Teil: Tiefere Einführung in Sprachlehre und Wortbildung. Prof D-RO GÖHL.
Deutsch-Esperanto Bücherei N-o 13. Friedrich Ellersick, Berlin. 48 paĝoj, 12 ½×18 ½ cm. Prezo: 1.— mark.

*Supera Kurso de Esperanto* kun antaŭvorto de Prof. Th. Cart. D-RO LEOPOLD DREHER L.K. Krakow.
Eldono de la aŭtoro, Krakow, Starowiŝlna strato 37, Pollando.
68 paĝoj, 12×16 cm. Prezo: 1.— sv. fr.

*Wörterbuch Deutsch-Esperanto* enthaltend über 20.000 deutsche Stichwörter nebst 30.000 Esperanto Uebersetzungen. Von D-r Emil Pfeffer. Zweite Auflage, 6-10 Tausend.
Steyrermühl-Verlag, Wien. I, Wollzeile 20.
180 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: 1.20 mark.

*Internacionalstenografio* en ĉiuj kulturlingvoj. Aldono por la Gvidilo en Esperanto. F. DE KUNOVSKI. Enkonduko kaj Ia parto (Germana, Angla, Franca, Hispana, Itala, Pola, Rusa).
Eldonis Instituto de internacionalstenografio, Duisburg, Friedenstr., 79, Germanujo.
4+16 paĝoj, 14×22 cm. Prezo: 1.— mark.

*Du Kantoj.* La Espero. La Tagiĝo.
Eldona Societo Esperanto, Stockholm. 1.
4 paĝoj, 9×20 cm. Prezo: 10 eroj.

Oficiala Jarlibro de la Esperanto-movado. 1928. 16-a jaro.
Universala Esperanto-Asocio, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. 608 paĝoj, 12×16 cm.

Sennacieca Asocio Tutmonda. Jarlibro 1928. 7-a jaro.
S.A.T., Paris, Leipzig, Moskvo. 450 paĝoj, 12×16 cm.

## Jarlibroj

Du jarlibroj por 1928, preskaŭ samformataj kaj samampleksaj estu menciataj antaŭ la fino de l'jaro. Ili estas liverataj al siaj anoj de niaj du plej fortaj internaciaj asocioj, U E A kaj S A T.

Komprenebla la ĉefa parto de la *UEA jarlibro* esta:, post la listoj de institucioj, fakaj organizoj, gazetoj, lando, kaj naciaj societoj, la nomaro de l'urboj kaj delegitoj. Por pli praktika uzo, ĉiuj informoj rilataj al iu loko, delegitaro, grupo, firmoj, hoteloj, sekvas ties nomon. Car pli kaj pli turistaj bezonoj ekaperas, la koncernaj informoj plimultiĝis, kaj ekzemple la nombraj bildoj de urboj faras el la jarlibro geografian albumon vere foliumindan. En la ĝenerala parto, konciza historio de la homa civilizado estas lerte kaj science verkita; ankaŭ tre atentindaj estas du tabeloj: unu pri la diversaj religioj kaj sektoj, kun difino, kaj dua pri la unuaj paŝoj de nia movado en ĉiu regiono de la mondo. Kun pli ol 600 paĝoj, tiu jarlibro postulis grandegan laboron kaj estus dezirinde, ke ĉiuj ricevantoj ĝuste kaj juste taksu la valoron de informilo, kiu per si sole jam kompensas la kotizon pagitan.

En la *jarlibro de S.A.T.*, la ĝenerala parto ankaŭ estas malpli grava ol en la lastjaraj eldonoj; la informoj estas tiuj, kiujn membro povas postuli en praktika adresaro de sia asocio. Kompense la listo de ĉiuj anoj, kun iliaj adresoj, troveblaj laŭ lokoj, laŭ landoj, laŭ sektoroj, (venonta jaro tiuj sektoroj estos anstataŭataj per la horzonoj, vere sennacieca nearbitra terdivido) fariĝis pli ampleksa, kio pruvas progresojn ĝojigajn de Esperanto en la laboristaj medioj. Novaĵo estas, ke post multaj adresoj, sistemo de literoj kaj ciferoj montras datojn de naskiĝo, de esperantiĝo, parolataj lingvoj, specialaj interesoj al scienco, arto, sporto, interŝanĝado, k.t.p.

G. S.

## ĈINA SAĜECO

*Tiu ḱiu povas paŝi sur la voston de tigro, sen ḱe tiu-ĉi ḱrias, havos suḱceson en la vivo.*

* * *

*Estas senutile serĉi fiŝojn sur la ḱrono de arbo.*

* * *

*Plej fortan armeon oni povas senigi de ĝia generalo, sed ne plej mizeran homon je siaj pensoj.*

* * *

*Se oni do scias ḱio estas la vivo, ḱiel oni sciu ḱio estas la morto!*

* * *

*Homo sen sincereco similas al veturilo sen timono.*

* * *

*Saĝulo ĉiam timas, ḱe liaj vortoj superas siajn agojn.*

* * *

*Malfacile estas esti malriĉa sen envio. Estas pli facila esti riĉa sen fiereco.*

* * *

*Saĝulo parolas prudente sed agas rapide.*

* * *

*Ofendojn oni repagu per justeco, bonfaron per bonfaro.*

* * *

*Dum juneco evitu la sensualismon, ḱiel viro la ḱoleron ḱaj ḱiel maljunulo la avarecon.*

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## 21ª Universala Kongreso de Esperanto

**5a Somera Universitato**

**Budapest, 2-9 aŭgusto 1929**

## INFORMA BULTENO N-ro 1

*Adreso por korespondaĵoj & telegramoj:*
Esperanto-kongreso, Budapest.

La Loka Kongresa Komitato formiĝis kaj kore salutas la tutmondan esperantistaron. Mondkongreso de Esperanto en Mezeŭropo, inter plej diverslingvaj malgrandaj popoloj devas esti sukcesa kaj signifoplena por pruvi la ekzistrajton kaj utilecon de Esperanto kaj krei novan fortan bazon de nia movado.

*Konsisto de la L.K.K.*

S-ro D-ro Samu Patai, Reĝa Registara Ĉefkonsilanto, Hon. Prezidanto.

S-ro Jozsef Mihalik, prof. en Instruistina seminario, Prezidanto.

S-ro D-ro Leono Lóránd, kuracisto, Vicprezidanto.

S-ro Istvan Nagy Molnár, Ministeria kalkul-ĉefkonsilanto, Vicprezidanto.

S-ro Paŭlo Balkanyi, bankoficisto, Sekretario.

S-ro Paŭlo Tolnai, komercisto, Sekretario. S-ino J. Bencze, Protokolistino.

S-ro Elek Tolnai, komercisto, Kasisto.

S-ro Julio Baghy, aktoro-verkisto, S-ro Lajos Köhény, parlamenta konceptisto.

D-ro Gyula Lukás, reĝa financa konceptisto, D-ro József Szilágyi, bankoficisto.

D-ro József Takács, kuracisto, István de Zöldi, poŝtinspektoro; Referentoj.

*Aliĝiloj.* — Disdonotaj pere de la Esp., gazetaro, Naciaj Societoj kaj Delegitoj de UEA. La L.K.K. sendos al ĉiuj, kiuj petos ĝin.

*Kotizo.* — Por ĉiu kongresano senescepte, laŭ decido de ICK: 28 pengö., 35 ŝil. aŭstr., 167 kĉ., 35 belgoj (175 frk, belg.), 125 franc. frk., 20 brit. ŝil., 21 germ. mk., 25 frk. svis., 12.50 guld. nederl., 5 uson. dol., k.t.p.

*Pagoj.* — Per internacia poŝtmandato, per bankĉeko, per monbiletoj en registrita letero al la sekretario S-ro Paŭlo Tolnai aŭ al la Kongresa Banko: « Pesti Magyar Kereskedelmi Bank, Budapest V., Tisza István u. 2. » kiu havas rilatojn en ĉiuj landoj. Indiku okaze de pago de banko al banko: *Por konto Esperanto-Kongreso.* La banko korespondas en Esperanto.

*Informpetoj al LKK.* — La petantoj de informoj bonvolu aldoni necesan afrankon por la respondo, per respondkupono aŭ UEA respondkupono.

*Donacoj.* — La LKK volonte ricevos donacojn por helpi al la sukseco de la kongreso.

*Blindula Kaso.* La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon al la kongreso de blindaj samideanoj.

*Koncertoj.* — La LKK jam interrilatis kun la diversaj institucioj por ricevi rabatojn ĉe vizo kaj ĉe fervojo, ankaŭ sur ŝipoj de la Danubo. La klopodoj esperigas bonan sukceson.

*Fakaj kunsidoj.* — Oni povas enregistri en la programon nur nepolitikajn fakkunvenojn. Proponojn oni sendu kun rimarko « Fakoj ».

*Oficiala Organo.* — Hungara Heroldo, Pongrás ut. 17. 71, Budapest X aperas dekfoje dum la jaro. La kongresanoj ricevis ĝin depost Januaro 1929. Prikongresaj informoj aperos en *Esperanto* kaj Heroldo de Esperanto, laŭeble en aliaj esp. gazetoj, kiuj petos ilin rekte de LKK.

# LA FAKA MOVADO

Ni ricevas regule informojn pri E en la diversaj fakoj (komunikojn de fakaj societoj esp., kronikajoj, klopodoj intencataj k.t.p.) Por faciligi kontakton ni kunigas tiujn informojn sub la titolo « La Faka Movado ». Ni petas, ke tekstoj aperigotaj sub tiu-ĉi rubriko estu plej mallongaj, koncizaj kaj skribataj per maŝino.

**Aŭtomobilistoj kaj motociklistoj**

S-ro Karl Knoll, Theodor Körner Allee 11-1 Zittau, German., alvokas la esperantistajn aŭtomobilistojn, motociklistojn, memkondukantojn, ŝoforojn kaj aliajn personojn, kiuj iel rilatas al aŭto-aferoj. ke ili unuiĝu por progresigi Esperanton en la internacia aŭtomobilistaro. Pro la rapidege kreskanta internacia trafiko de motorveturiloj estas eble, ke post nelonge naciaj aŭtokluboj ekkonos la mondlingvan aferon kiel sian propran kaj helpos la ĝeneralan enkondukon de Esperanto. La franca « Touring Club » jam donis antaŭ kelkaj jaroj rezolucion por Esperanto. Sed kie restas la aliaj kluboj, kaj kie restas la agadoj post la rezolucio?

Ĉiuokaze mi petas miajn gesamsportanojn, ke ili bonvolu sciigi min, ĉu mia propono trovis ilian aplaŭdon, kaj dankas jam antaŭe por eventualaj proponoj. Poste mi sendus rekte al ili novajn informojn.

**Framasonoj**

Necesas faka kunsido okaze de la proksima kongreso de Universala Framasona Ligo en Amsterdam, Sciigu Adreson kaj tiujn de aliaj interesiĝantaj fratoj al Hans Wolhson, Museumsplatz 16, Breslau, Germanio.

**Kristanoj**

Dum la 20a Kongreso de Esperanto en Antverpeno la Kristana Esp. Ligo Internacia (K.E.L.I.), kiu estas starigita sur evangelia kristanismo, decidis, denove komenci viglan agadon. Kiu povas helpi je la disvastigo de Esperanto inter la kristanaro, estas petata sendi proponojn, monhelpojn kaj aliĝon al la ligo. Jarkot, minimume 1 ŝilingo (angla). Oni adresu al S-ro Paul Hübner, Bergstrato la Quedlinburg (Germanujo) aŭ al S-ro C.A. Fairman 24, Binfield Road, Londono S.W.4.

**Poŝtistoj**

La Hungara Reĝa Poŝta Direkcio per ordono N-ro 9857/1928 X. 4. akceptis S-ron Stefan Zöldy, poŝtinspektoro,

kiel delegiton de la Internacia Ligo Esp. Poŝt-kaj Telegraf-Oficistaro (ILEPTO) en Hungarlando. Ĝi decidis oficiale rilati kun ILEPTO kaj invitis cirkulere la poŝtoficistaron en Budapest lerni la lingvon. El tiuj kursanoj la Direkcio difinos la poŝtistojn deĵorontajn dum la XXIa kongreso.

**Universitatanoj**

Pro la fakto, ke dum la universale kongreso Faka kunveno ne trovas la atenton kiun ĝi meritas, la Franclanda Esperantista Univers. Federacio kun la Brusela Universitata grupo aranĝis kunvenon de universitatanoj en Bruselo. Senbrue anoncita ĝi ne havis multenombran viziton. Ĉeestis 20 profesoroj kaj studentoj el ses landoj. Prezidis profesoro Pinty el Alger. Rezolucio pri kreo de naciaj univ. organizaĵoj akceptita.

---

# En kelkaj linioj...

⁂ Germanaj kreditoroj de la estinta Esperantista Ĉekbanko en Londono, kaj kies, bonhavo estis sekvestrita povas provi ricevon tutan aŭ partan skribante al Reichsausgleichamt, Verlängerte Hedemannstr. 2 Berlin S. W. 48.

⁂ Komence de aŭgusto 1929, ĉiulandaj skoltoj kunvenos en ĵamboreo, t. e. en granda internacia kunveno, kiu okazos en Anglujo. Sed la rilatoj inter diversnaciaj skoltoj konsistas plejparte el afablaj ridetoj kaj delandaj rigardoj, ĉar, sen Esperanto, skoltoj estas mutuloj en ĵamboreo. Ni do devas propagandi Esperanto en la skoltaj trupoj.

De post 1918 ekzistas Skolta Esperantista Ligo (sekretario: Trupestro Norman Booth, en Netherton, Huddersfield, Anglujo), kies celo estas grupigi ĉiujn skoltojn scipovantajn la internacian lingvon. Eliras ankaŭ ĉiumonate gazeto ilustrita por skoltoj: « Skolta Heroldo » (adreso: 22, Cours Albert I°, Paris-VIII). Sciigu tion al la skoltoj de via lando kaj instigu iliin lerni Esperanton, la nepre necesa lingvo por la tutmonda skotmovado.

⁂ La cigarfabrikejo Emil Giger qen Gontenschwil, Svislando, Argovio, konata pro bonkvalita speco « Schweizerstumpen » envolvas pakaĵeton da dek kun surskribo « Habana Esperanto ». Al la svisaj samideanoj ni rekomendas postuli ilin en la tabakvendejoj.

⁂ Multaj vojaĝoj ĉirkaŭ la tero jam estas faritaj, sed ĝis nun ankoraŭ ne tia, dum kiu nur Esperanto estis uzata kiel interkomprenigilo. Ĉi tiu manko nun estas forigata: S-ano Paŭl Posern en Doebeln (Germanujo) entreprenis tiun vojaĝon meze de Aŭgusto. Li vojaĝas bicikle tra Ĉeĥoslovakujo, Aŭstrio, Hungarujo, Rumanujo, Sovet-Unio, Persujo, Hindujo ktp. S-ano et Lyon akompanas lin. Vizitante grupojn aŭ izolulojn, ili prezentos tre interesan kaj amuzan programon. La entrepreno estas riska. La ges-anoj en la tuta mondo estas petataj, subteni la entreprenon kiom ili povas. S-ano Posern estas membro de SAT numero 12008 kaj de UEA numero 30217.

⁂ S-ro J. Bednar en Brno informas ke la Internacia Legolibro aperos certe dum januaro 1929. Monsendintoj kiuj ne deziras atendi ree povos ricevi la monon. Adreso: Dobrovského ul. 16, Brno, Ĉ. S. R.

⁂ La Unuiĝo terglobŝtato pretendas la instruadon de Esperanto en la lernejojn ĉiuklasajn. Programon de la unuiĝo sendas senpage la sekretario: Luersen, Innocenciastrasse 25, Hamburg 37.

⁂ Komercista Esperanto Unio, Dresden/Radebeul, ĵus eldonis n-ron 7 de la « KEU-informilo », enhavanta ofertojn de diversaj varoj. KEU pli kaj pli fariĝas la kondukanta komerca entrepreno en Esperantujo. En 9 monatoj de 1927 jam estas perataj per KEU varoj en valoro de 50.000.— Mark. Sekve de tiuj « praktikaj pruvoj » pli kaj pli la komercistoj emas, uzi Esperanton. Laŭ instigo de KEU jam 15 germanaj fabrikoj presis reklamon en Esperanto ! La filioj nun agas, atingi samajn sukcesojn en iliaj landoj. Ĉiu E. komercisto sin turnu nur al KEU.

---

# Svisa Esperanto-Societo

## Ekzamenoj, septembro 1928

Ekzamenkunsido de S.E.S. okasis en Bern la 22-an de septembro 1928. 14 kandidatoj prezentis sin, el kiuj 7 por la provoj al Atesto pri Lernado kaj 7 por tiuj de Supera Diplomo; ĉar unu el tiuj lastaj ne sukcesis, kaj ricevos nur la Ateston, estis disdonataj 8 Atestoj kaj 6 Diplomoj laŭ jena listo (alfabeta ordo):

Atesto pri Lernado, 1. S-ro Hermann BOOS en Saignelégier.
» » » 2. S-ro Josef BROGLIN en Zollikofen.
» » » 3. F-ino Wally EPPER en St. Gallen.
» » » 4. F-ino Emeline JAYET en Morges.
» » » 5. F-ino Marguerite JAYET en Morges.
» » » 6. F-ino Yvonne JEANGUENIN en La Chaux-de-Fonds.
» » » 7. S-ro Tranquillo NONELLA en Bern.
» » » 8. S-ro Heinrich TANNER en St. Gallen.
Supera Diplomo, 1. S-ro Edouard BEZENCON en Bern.
» » 2. F-ino Micheline JACCARD en Morges.
» » 3. F-ino Berthe MONTANDON en Le Locle.
» » 4. S-ro Maurice PERRENOUD en Le Locle.
» » 5. S-ro Arnold VONLANTHEN en Bern.
» » 6. S-ro Emil ZUBERBUHLER en Nesslau.

Ĉiuj anoj de la Ekzamena Komitato: S-ino SING, S-roj WENGER, SCHMID, HUMBERSET, KURSTEINER kaj STROELE kunlaboris. Ĉeestis ankaŭ la Prezidanto de S.E.S. S-ro STETTLER kaj du honoraj vizitantoj: S-ro Jos. NIGGLI, Urba Lernejdirekcia Sekretario kaj S-ro Walter ROSLI, Supera Oficisto de la Federala Fervoja Kontrolo.

G. STROELE,
*Prezidanto de E.K.*

---

# Esperantista Vivo

*Naskiĝoj*

Al Ge-sroj *Grot* en Riga, fileto, *Ilgonis*.

Al Ge-sroj *Rud. Dvorak*, en Piastow ap. Warszawa filineto *Evelino Jadwiga*.

Al Ge-sroj *Luigi & Giuseppina Topi* D de U E A en Casale Monferrato, Italio, filineto *Marto*.

*Edziĝoj*.

S-ro *Antonin Odehnal* V D de U E A en Slezska Ostrava kun F-ino *Mana Valouskova*.

S-ro *Maurice Perrenoud*, D de U E A en Le Locle Svis. kun F-ino *Germaine Glauser*.

S-ro *Walther Barth*, V D de U E A en Bautzen, German., kun F-ino *Edith Strachan*, ano de U E A en Montreal, Kanado.

S-ro *Franz Heikenwälder*, V D de U E A en Prostejov C S R, kun F-ino *Manja Jemelka*.

S-ro *Adalberto Karpati*, M. U E A, Arad (Rumanio) kun F-ino *Elinjo Berohn*.

D-ro *Joachim G. Pola*, Ano de U E A en Ceuta, Afriko, kun F-ino *Matilde Vidal Forner*.

# Universala Esperanto-Asocio

*Post la ventego. Nova agado. Trafiko kaj Turismo. Frankfurta Konferenco. Budapeŝta Kongreso. For la pesimismon.*

« Trompo », « aŭtokrateco », « aŭgiasstalo », « krima solregemo », « raŭpoj en fromaĝo », kaj tuta kolekto de similaj esprimoj direktitaj al personoj, kiuj aŭ profesie aŭ libervole prenis sur sin taskon gvidi oficon al ili konfiiditan. Esperantujo vidis unufoje tielnomatan « tagpolitikon » kutime plej aĉan laŭ esprimoj dum la elektoj. Komencis la tuta afero per ne laŭstatuta procedo de grava funkciulo de UEA, kiu anstataŭ uzi la sole eblan vojon, kredis plibone kuri en la straton por krii. Ni silentis. Nia konscio kaj nia konvinko ne postulis similan procedon. Sinceraj amikoj restis firmaj kaj samtempe komprenis je kio celis la agado de Sinjoro Delanoue. Efektive ĝi celis nenion alian ol forigo de la nuna UEA, starigo de ia hibrida organizaĵo kiu centrigas ĉion en unu « Esperanto-Movado » kun centro eksterĝeneva, anstataŭigon de la Naciaj Societoj, k.t.p. Tion li klarigis en Lyon dum la Franca Nacia Kongreso. Por atingi la unuan, t.e. senigi la movadon je UEA li atakis la elekton al la komitato. Tio ne sukcesis. La dokumentoj pri tio estas tro klaraj kaj tro unusencaj por daŭrigi en tiun direkton. Poste venis la « pezaj kanonoj ». Certaj aspektoj de nia negocado faciligis tion, kaj fine oni ja povas kritiki ĉie kie io estas farata. Tiun kritikon ni ripetas, rajtas ĉiu kaj ni aldonas, estas devo de ĉiu. Ĉiu rajtas informiĝi kaj bedaŭrinde nur malmultaj uzas tiun rajton. Se presita raporto ne estas klara (nur tro ofte verkita meznokte sen tempo por ĝin legigi de aliaj personoj) tiam oni demandu. Ciferoj tamen restas ciferoj kaj komparante oni komprenas neklaran esprimon en akompana teksto. La «-Enketa Komisiono » ekzamenis la aferojn, trovis ĉion en ordo, atentigis pri detaloj plibonigeblaj kaj plibonigindaj. Ĝi « blanklavis » la kulpigitojn. La Antverpena kongreso ovacie esprimis plenan fidon al la gvidantoj de UEA. S-ro Delanoue kaj manpleno da « kritikantoj pro principo » estis brile malpravigitaj. — La Komisiono de UEA respondecigis S-ron Delanoue je la financaj sekvoj de lia agado kaj eksigis lin el siaj funkcioj.

El tiu-ĉi tuta afero ni ricevis diversajn instruojn utiligotajn por la estonto. Bedaŭrinde tiuj instruoj estas tro multekoste akiritaj. Tamen ni estas certaj ke iom post iom montriĝos la bono el ĉio. Unu el la riproĉoj direktitaj al la Centro estas tiu « pri aŭtokrateco ». Se respondecaj homoj ne respondas al niaj demandoj kaj malatentas urĝigon, dume ni devis decidi pri io ajn, ĉu tio estas « aŭtokrata » reĝimo? Movado kiel nia neniel povas sukcesi sub solregemo. Mankas ja la premisoj esencaj ekz. konkreta povo devigi aliajn ion plenumi, mensa simileco de la ordonota sekvantaro. Ne gazetartikoloj naskigas diktatoron, sed reala potenco kaj volo de plimulto akcepti tian regadon. Tial supraj rimarkoj estas sensencaj; sufiĉas ja kiel ni spertis, ke avertinte ŝuldanton pagi sian ŝuldon tiu laŭte kriis pri la « ĝeneva aŭtokrateco ».

La ventego pasis kaj la vero venkis. Ni devas pensi al rekonstruo, ĉar dolora estas la sekvo de tiu-ĉi perfida agado. Ni havis la certecon, ke ni finos en 1928 sen deficito aŭ almenaŭ granda malaltigo de tiu-ĉi kaj plena kovro el flankaj gajnoj. La konfuzo kreita per la dissendo de miloj da cirkuleroj, plene da kalumnioj respeguliĝas en la eniro de la kotizoj. La morala perdo kaŭzita ja ne estas taksebla sed la mona vidiĝos en la bilanco. Ni devos rekonstrui. Je tiu-ĉi celo ni antaŭvidas diversajn ŝanĝojn pri kiuj decidas kiel kutime la Administra Komisiono de UEA. Unu el la ŝanĝoj estas la presloko de la gazeto. Kiom da zorgoj kaj enuoj rezultis el tiu-ĉi laboro nur iu kiu ĝin faris povas kompreni. La loka disigeco de redakcio kaj presejo ne multe rimarkiĝis dum la presado en Magdeburg kie la preseja personaro sciis la lingvon kaj laboris sub akompano de vortaro. Aliflanke nia administrado estas tro rigida kaj rezultis sekve plendoj post plendoj. La malfrueco de la gazeto kiu fariĝis daŭra en la nuna jaro devas malaperi. Dua ŝanĝo koncernas la jarlibron kiu havos novan formon en 1929. Tria ŝanĝo estas pliigo de la personaro en la Centra Oficejo, konstatita kiel nesufiĉa laŭ nombro. Eksteraj ŝanĝoj estas la starigo de pagocentro en Usono kie nia bonkonata S-ro Donald E. Parrish ree prenis sur sin oficon kiun li jam sukcese plenumis antaŭ la milito. Intensigo de la individua prilaboro flanke de la ĉefdelegitoj devos plibonigi la situacion.

Ĉefe gravas la aliĝoj. Por 1929 ni povas konsenti eksterordinaran premion al ĉiuj frupagintoj kaj belajn premiojn al la varbintoj de novaj anoj. Uzu tiun okazon kaj helpu per tio al la stabiliĝo de nia Asocio. Pri ĉio ĉiu estas aparte informota per cirkulero. 1929 estas Trafika kaj Turisma jaro. Dum pasko okazos en Frankfurt am Main konferenco pri reklamo en Trafiko kaj Turismo. UEA elmontros ĉion kion oni faris en tiu-ĉi sfero. Post la uzado de la lingvo en turismo ni devos nun pensi videble enigi nian servadon. Ofte oni rimarkigas al ni, ke la uzantoj de Esperanto ja ne estas videblaj, ke reklamo inter la Esperantistoj estas senefika laŭ komerca vidpunkto k.t.p. Ni devos trovi vojon por videbligi nin. Esperantistoj vojaĝantaj vizitu nur hotelojn kiuj interesiĝas konkrete pri ni aŭ kiuj estas rekomendataj de la estonta « Hotela Servo ». Jam nun ni havas certan povon kaj lerta taktiko povus sukcesigi nian aferon laŭ la formulo « Potenco per la nombro ».

Prava riproĉo farita al ni (kial al ni precipe ni ne povas kompreni) estas la manko de la kontakto inter la agantaj personoj, do inter la komitato, ĉefdelegitoj kaj la Centra Oficejo. Dum la ĉiujara kongreso devus okazi kunvenoj de tiuj aktivuloj kvankam ja la sperto montris ke Internacia Kongreso kun la variaj distraĵoj ne favoras tiajn laborkunvenojn. Ankaŭ alia fakto ekzistas: Veraj aktivuloj ne povas aŭ ne volas veni al kongreso. Por la Frankfurta konferenco estas dezirinde ke venu la homoj agantaj en la kampo de turismo kaj trafiko.

Budapeŝto, la reĝino de la Danubo, invitis la XXIan kongreson okazontan dum aŭgusto 1929. Geografie tiu-ĉi urbo mirinde taŭgas nor nia manifestado ĉar ĝi estas ĉe la sojlo de tiuj landoj kie helplingvo ludos rolon, kie la lingva diverseco montriĝas ĉiupaŝe. Moderna urbo kiu altiras ĉiujare milojn da fremduloj certe allogos la kongreseman esperantistaron kiu trovos kompenson en kongresaranĝoj de alta valoro. Ni nur memorigu je la artistoj hungaraj kiuj tiom lerte verkas kaj majstras nian lingvon. UEA intencas aranĝi plurajn karavanojn gvidotajn de la koncernaj ĉefdelegitoj. Estas funkciigota la Kongresa Servo kaj aparte speciala vojaĝo de Genève al Vieno kaj Budapeŝto. Ni serĉos ebligi malkaran partoprenon kaj informos pri tio en venonta numero de la gazeto.

Finante la jaron ni kutime rerigardas kaj faras moralan bilancon. Ĝi ne estas brila por 1928, la dudeka jaro de la ekzisto de nia Asocio. Ĉu la pesimismo ekregu pro fuŝa procedado kaj ŝajna revolucio de iuj kritikantoj? Ni pensas ke ne! La heredaĵon, kiun ni akceptis de niaj pioniroj kaj ĉefe de H. Hodler ni ne nur konservas kiel bonaj administrantoj en fajrocerta kesto, sed ankaŭ en nia konvinko, ke nur daŭrigo de nia vojo kondukos al sukceso. Ni lasu la blekadon al la daŭre malkontentaj homoj, kiel tiajn posedas ĉiu movado kaj eĉ devas posedi. Sed al ĉiuj kiuj agas senhezite kaj decide kun firma volo kaj konvinko ni diras « Daŭrigu » kaj al la hezitemuloj pesimismaj ni diras

« For la pesimismon ».

HANS JAKOB, *Direktoro de U E A.*



## Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 1. Novembro 1928

*Nova jaro.* — Pasis nun dudek jaroj ke fondiĝis nia Asocio. Minacis ĝin detruo kaŭzita ne de eksteraj malhelpoj sed de internaj disputoj. Ankaŭ tio pasis. Ni devas pensi je la rekonstruo ĉar multe influis tiu-ĉi subfosa agado nian regulan laboron. Ni devas regajni la perdon kaj sur nova fundamento de fido refortigi nombre la Asocion. Ni kalkulas je ĉies helpo kaj bonvolo kaj dankas sincere al ĉiuj kiuj restis firmaj dum la kriza momento. Nova laboro nin atendas kaj ni petas vian bonvolan atenton pri ĉio kio sekvas.

*Fino de la Administra jaro 1928.* — Ni atentigas niajn delegitojn ke el la 9100 anoj de la jaro 1927 ne repagis la kotiżon por 1928 pli al 2000 personoj. Dum oktobro ni dissendis admonilon al ĉiuj en landoj sen teritoria organizo kaj sen la ebleco enkasigi per la poŝto. Al la Ĉefdelegitoj ni sendis liston kun la nomoj por provi regajnon de tiuj nerepagintoj. Ni insiste petas vin klopodi en tiu senco. — Pri la financiferaro kaj la bilanco informas vin la venonta numero kiu ankaŭ enhavos detalojn pri la budĝeto por 1928 kiun ni nun ellaboras kaj submetas al la Administra Komisiono de UEA kiu laŭstatute ekzamenas kaj aprobas ĝin.

*Jarlibro 1929.* — Dum novembro ni dissendas al ĉiuj Delegitoj kaj Vicdelegitoj la Oficialan Bultenon no. 23 kun la kutimaj aldonoj. Jam nun ni petas vin nepre atenti ke ĉiuj informoj por la jarlibro devas atingi la Centran Oficejon je la 31 decembro 1928. Kompreneble oni ne atendu ĝis la dirita dato kiam ŝanĝoj ne plus okazos. La informojn por la Adresaro ni petas komuniki per la kolora folio dissendota kun la Oficiala Bulteno no. 23.

La varbado de anoncoj povas komenci jam nun. La prezoj restas la samaj kiel por la jaro 1928 kaj pro ŝparo ni ne represas la tabelon de la prezoj.

Tekstoj por anoncoj kaj reklamoj atingu nin baldaŭ. Ni ne fiksas findaton ĉar laŭbezone ni povas ĉiam aldoni reklamojn, ĉar enŝoveblaj en la kompostaĵon.

Ni tie-ĉi sincere dankas al la Delegitoj speciale klopodintaj por la reklamvarbado. Tio estas S-ro Bonini en Venezia, S-ro Johannes en Düsseldorf, S-ro Krieger en Stettin, S-ro Istel en Wiesbaden, S-ro Rodeyns en Tirlemont, S-ro Schoofs en Antwerpen. La koncerna loko en la jarlibro 1928 montras la klopodadon de tiuj samideanoj plej trafe kaj ni ĝojus se aro da pliaj aktivuloj imitus tiun diligentecon.

*Kotizoj 1929.* — Ili restas samaj kiel en 1928. Kiel por 1928 ni konsentas por 1929 premion al ĉiuj kiuj pagas la kotizon ĝis 31 decembro 1929. Tio signifas, ke ĉiu kiu plene pagis la kotizon. Partpagantoj ne rajtas tiun favoron. La premio konsistas el u n u volumo de la fama biblioteko INTERNACIA MONDLITERATURO eldonita de la firmo Hirt & Sohn en Leipzig. Elekto libera laŭ listo.

Por subtenantoj ni povas sendi belajn premiojn kaj ni esperas ke pli granda nombro da personoj aliĝos kiel Subtenantoj.

La aranĝon de premiado por varbado ni daŭrigas. Pri ĉiuj premioj vidu la liston en la speciala informilo sendata al ĉiuj anoj de la Asocio komence de novembro.

*Franca Teritorio.* — Pro la eksigo de S-ro Delanoue la pagocentro ne plu ekzistas. Ni informis nian Francan Membraron ke provizore pagoj estu farotaj al nia poŝtĉeko en

*Lyon, compte des chèques postaux 221.26*
Universala Esperanto-Asocio. Genève.

Ni klopodas reorganizi pagocentron sur nova bazo kaj en taŭga momento informas pri tio. Ni komisiis nian Komercan Delegiton en Lyon, S-ron Lévin enkasigi la kotizojn por 1928 de la francaj membroj ankoraŭ ne pagintaj al ni. Eblaj pagoj dufoje faritaj estas transportotaj aŭtomate por la nova jaro. Pri iaj eraroj ni petas pardonon kaj atendas informon por rebonigi.

*Garantia Kapitalo.* — Plezure ni povas sciigi pri aliĝo de nova Dumviva Membro dum la Antverpena kongreso

| | | |
|---|---|---|
| | *Dua serio.* | Frk. svis. |
| | Antaŭa listo : . . . . | 7.800.— |
| 27. | F-ino Julia Culver, Genève . . . . . . . . | 300.— |
| | Sumo Frk. . . | 8.100.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas tricent Frankojn svisajn, pageblajn en tri partoj dum daŭro de tri jaroj. La atesto de Garantia Kapitalo de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva ricevo de la gazeto Esperanto kaj de la jarlibro kiel ankaŭ de eblaj aliaj oficialaj eldonaĵoj de la Asocio.

*Pagocentro en Usono.* — Nia komitatano usona, Sinjoro Donald E. Parrish deklaris sin preta denove agi por nia Asocio kiel enlanda sekretario. Ni submetis tiun proponon al la komisiono de UEA kiu akceptis kun danko al la proponinto. Jam antaŭ la milito Sinjoro Parrish plenumis tiun taskon por UEA kaj ni tre ĝojas ke ni ree havas lian helpon. La delegitoj de UEA en Usono akceptis la proponon. Post plenumo de la formalaj kondiĉoj aperos kompleta sciigo pri tio. De nun ĉiuj kotizoj en Usono estu pagotaj al Sinjoro Parrish kiu havas la jenan adreson:

National Secretary, Universal Esperanto Association, 109 Fordham Drive, Buffalo N. Y.

*Imitinda ekzemplo.* — Fervora ano ĉehoslovaka de UEA kiu deziras ke lia nomo ne estu konigata, donacis la sumon de mil kronoj ĉsl., al la Teritoria kaso por pagi la kotizojn de dudek malriĉaj delegitoj en ĈSR nepovantaj pagi ĝin. Ni kore dankas al la simpatia donacinto kaj rekomendas tiun agon kiel imitindan ekzemplon.

*Centra Oficejo de UEA.* — La personaro de la C. O. konsistas el :

Hans Jakob-Notz, Direktoro
F-ino Josephine Damon-Pichat, Sekretariino.
F-ino Rosa Kocherhans (Korespondado, Delegitoj)
F-ino Mary Lotte Kapfer (Membrokontrolo)
S-ro André Schild (Ekspedo, klasigado)
F-ino E. Damon Pichat (helplaboroj).

Krom tio laboras ĉe la Centra Oficejo pri la biblioteko de UEA kaj redakciaj aferoj Sinjoro Petro Stojan, L.K.

*Berlina kunveno.* — La nunjara kunveno de la Berlina Teritorio okazos la 27an de novembro 1928 en la restoracio « Zum alten Askanier » Anhalterstrasse 11, je la 20a horo. Ĉiuj anoj de UEA ankaŭ estintaj estas kore petataj: Venu certe kaj akurate, Max Blankenheim, ĉefdelegito.

### Novaj Delegitoj

*Amiens* (Franclando, Somme). D.: S-ro Léon Moitié, rue de Dijon, 26.

*Asch* (C. S. R. Bohemio). D.: S-ro Rudolf Hollerung, Burgerheimstr. 1815.

*Batu Pahat* (Brit. Indio). D.: S-ro K. S. Bessyo, Bukit Batu Rabber Estate.

*Binghampton* (Usono N. Y.). D.: S-ro Willy Sieler, 48 Schubert street.

*Bockfliess* (Aŭstrio). D.: S-ro Franz Brückl, instruisto, No. 104.
*Creil* (Franc. Oise). D.: F-ino Marg. Boisnard, « Les Terrasses », 8, rue Ch.-Aug. Duguet.
*Dĕdov* (Ĉ. S. R.). D.: S-ro Bohumir Podzimek, Zofiino údolí 116.
*Fryštát* (Ĉ. S. R.). D.: S-ro August Majer, No. 386.
*Jackson* (Usono, Michigan). D.: S-ro Erich Kawelitzke, 206 Second-Str. c/o Mr. L. S. Haynes.
*Jackson* (Usono, Michigan). D.: S-ro Erich Kawelitzka, 206 Se-Box 324.
*Kaju Tanam* (Nederl. Indie, Sumatra). D.: Radja Mangkoeto S. M. Samsudin Rassat, Kaju Tanam by Padang.
*Klagenfurt* (Aŭstrio). VD.: S-ino Bertha Knittl, Wulfengasse 15.
*Knutwil* (Bad) (Svis. Lucerne). D.: S-ro Fr. Michel, Bahnstation Büron.
*Ludvika* (Sved. Darlekarlio). D.: S-ro Edvard Lundin, Box 429.
*Myslkov* (Ĉ. S. R. Bohemio). D.: S-ro Fr. Jankovsky, M. p. Sedlec na Dr. W.
*Nechanice* (Ĉ. S. R. Bohemio). D.: S-ro Jan Dvořáĉek, librovendisto.
*Orlová* (Ĉ. S. R. Silezio). D.: S-ro Josef Dubny, mineja oficisto, No. 299.
V.D.: S-ro Antonín Slanina, tajloro, No. 402.
*Petrvald* (Ĉ. S. R. Silezio). D.: S-ro Fr. Kretínsky, No. 83.
*Rhodes* (Italujo, Insulo Rodezo). D.: D-ro Mercado Hasson, kuracisto.
*Ribeira Grande* (Insulo St. Miguel, Acoroj). D.: S-ro Fred. Aug. Serpa, inĝ.
*St. Margrethen* (Svisl. St. Gallen). D.: F-ino Anna Bayer, instruistino.
*Tetuan* (Hisp. Maroko). D.: S-ro Roberto Maraury, Inspector de Aduanas.

***La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la unua publikiĝo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD, agas provizore.***

*
**

**Ŝanĝoj**

*Bisamberg* (Aŭstrio). D.: S-ro Raimund Peter, No. 151.
*Ĉeska Skalice* (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Odon Horák, No. 250.
*Kediri* (Ned. Indio, Java). D.: F-ino Th. Liem Nio, Sembodjan.
*Letchworth* (Brit. Hertfordsh.) D.: F-ino Frances Bartholomew, Wilbury Rd. 154.
*Liverpool* (Brit. Lancash.) D.: F-ino J.-D. Applebaum, « Pentavalon » Menlove Avenue, Wawertree.
*Lomza* (Pollando, Bialystok.) D.: S-ro Mojzesz Perelman, Dluga 7.
*Roubaix* (Francl. Nord.) D.: F-ino Germaine Delerue, 305 Grande Rue.
*Rumburg* (Ĉ.S.R. Bohemio.) D.: S-ro Franz Wagner, Langegasse 26. VD.: S-ro Jan Zemek, Hrnĉírská 36.
*Sibiu* (Rum. Trans.) D.: S-ro Aleksandro Kusnyir, Rozmaring 14.

En la jenaj lokoj ne plu estas delegitoj:

*Amstelveen*, Nederl.; *Bennisch*, Ĉ.S.R.; *Bobowa*, Pollando; *Borohrádek*, Ĉ.S.R.; *Cali*, Kolombio; *Chelsea*, Usono; *Chorzów*, Pollando; *Coventry*, Britlando; *Drognens*, Svisl.; *Hanoi*, Indochine; *Herford*, Germ.; *Hodonin*, Ĉ.S.R.; *Horní Suchá*, Ĉ.S.R.; *Ivanovice na Hané*, Ĉ.S.R.; *Klundert*, Nederl.; *Lauscha*, Germ.; *Märisch Chrostau*, Ĉ.S.R.; *Marienwerder*, Germ.; *Marschendorf I*, Ĉ.S.R.; *New Malden*, Brit.; *Nikolsburg*, Ĉ.S.R.; *Nogent s/Oise*, Francl.; *Nové Mesto*, Ĉ.S.R.; *Parkaň*, Ĉ.S.R.; *Perth*, Britlando; *Pohorelska Maŝa*, Ĉ.S.R.; *Poliĉka*, Ĉ.S.R.; *Radziejów*, Pollando; *Rakovník*, Ĉ.S.R.; *Rochester*, Usono; *Sandberg*, Germanio; *Schaffhausen*, Svislando, *Seewen*, Svislando; *Sölde*, Germanio; *Solnice*, Ĉ.S.R.; *Suché Vrbné*, Ĉ.S.R.; *Szögyén*, Ĉ.S.R.; *San Fernando*, Ĉilio; *St. Julien*, Franclando; *Tremoŝno*, Ĉ.S.R.; *Vysotké Myto*, Ĉ.S.R.; *Vysokov*, Ĉ.S.R.; *Zásmuky*, Ĉ.S.R.

Genève, 25 Oktobro 1928. Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

# Esperanto - Radio Programo

de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.

DIMANĈO

07.00. — *Moskva*, 1450 m. — Esp.-Kurso aŭ sciigoj kaj novajoj, 60 min.
08,35. — *Langenberg*, 468,8 m. — Köln, Aachen, Münster — 25 min. Esp.-Kurso. — Par.: S-ro A. Dormanns.

LUNDO

17,30. — *Kiev*, 775 m. — 30 min.
19,30. — *Madrid*, 375 m. — Par.: Pastro Mariano Mojado. Esp.-Kurso. — 30 min.
22.15. — *Moskva*, 1450 m. — Precizaj informoj mankas.

MARDO

19.15. — *Minsk*, 900 m. — Par.: K-do Dim. Snejko. — 30 min. Paroladoj pri diversaj temoj el BSSR.
19.30. — *Praha*, 348,9 m. — Kurso. — 10 min.

JAŬDO

19.30. — *Madrid*, 375 m. — Par.: Pastro Mariano Mojado. Esp.-Kurso. — 30 min.
20.00. — *Paris P.T.T.* 458 m. — Par.: D-ro Corret kaj Prof. Cart Esp.-Kurso, elementa kaj perfektiga. — 30 min.

VENDREDO

18,45. — *Praha*, 348,8 m. — Esp.-Kurso. — 10 min.
19,00. — *Königsberg*, 303 m. — Danzig, 272,7 m. — Par.: S-ro Smollenski. Esp.-legado. — 30 min. — Eble horduonon pli malfrue.
19,15. — *Frankfurt*, 428,6 m. — Kassel. — Par.: S-ro Wischhoff. — 30 min. Esp.-Kurso. — tago kaj horo offte ŝanĝas.
19,45. — *Stuttgart*, 379,7 m. — Freiburg, 577 m. — 10 min. Programo de la venonta semajno. — Par.: D-ro Vogt.
20,05. — *Zürich*, 588 m. — 10 min. — Parolado pri diversaj temoj.

SABATO

18,15. — *Breslau*, 322,6 m. — Gleiwitz, 329,7 m. — 10 min. Parolado pri sileziaj kaj literaturaj temoj.
18,55. — *Königsberg*, 303 m. — Danzig, 272,7 m. — 5-10 min. Programo de la venonta semajno. — Par.: f-ino Wermke.
22,15. — *Bruselo*, 508,5 m. — Par.: S-ro Kempeneers. — 5 min. Programo de la venonta semajno kaj diversaj aliaj sciigoj.
22,15. — *Moskva*, 1450 m. — Programo de la venonta semajno. — 30 min.
— — *Madrid*, 375 m. — Par.: Pastro Mariano Mojado. Progroma de la venonta semajno.

ĈIUTAGE

11.45. — *Leipzig*, 365,8 m. — Dresden, 275,2 m. — Par.: S-ro Vogel. Vetero en Esperanto. — 5 min.

---

21,30. — *Sevilla*, 446,8 m. — La 1-an kaj 15-an de ĉiu monato. Propagando kaj informoj pri Esp. en hispana lingvo.
— — *Berlin*, 484 m. — Stettin. — Par.: S-ro Glück. — 30 min. Esp.-parolado pomonate, plej ofte jaŭde 19,00-19,30.
— — *Tallinn-Reval*, 408 m. — Esp.-parolado senregule.
— — *Bratislava-Pressburg*, 300 m. — Esp.-parolado senregule.
La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO JOSEF AUMAYR, faka instruisto, 75 jaraĝa, D de U E A en Linz, Aŭstrio de 1913 ĝis 1914.

S-RO J. M. DE VILLA, Vicdelegito de U E A en Habana, Kubo post longa sufero, 23 Julio 1928.

S-RO G. H. BACKMANN, sveda pioniro de nia movado en Ramlösa (antaŭe loĝinta en Helsingborg).

S-RO WILHELM VELTEN, rektoro, 78 jara en Laubegast (Germ.). Verkinto de gramatiko kaj frazaro, eminenta stenografo kaj aŭtoro de propra sistemo.

S-RO WILLIAM HAYNES, M A de U E A en Reading, Britujo.

S-RO JAKOB HECHTL, fervoja inspektoro, 56 jara en München, 30.8.28. Organizinto de la Kvara Aŭstria Esp. Kongreso en Franzensbad kaj iniciatinto de la unua monumento honore al nia majstro, starigita en sama loko 1914. Dumviva ano de U E A.

D-RO BEDRICH MOLNAR, evangelia supera eklezia konsilanto, membro de UEA en Praha, patro de s-roj Inĝ. Bedrich kaj Jan Molnar ambaŭ U E A — anoj kaj aktivaj esperantistoj.

S-INO SUIGHI ROSA, patrino de nia Delegito S-ro Paolo Bossi en Abbiategrasso, Ital.

S-RO R. H. MOODY, DM n-ro 87 en Bicester, Anglujo.

S-RO ALEX. PAROFF, bulgara ano de U E A en Leysin, Svislando.

S-RO EDWARD SWICCIMSKI, Ano de UEA 29462 en Warszawa, 5/8/28.

*Sinceran kunsenton !*

## Esperantista Parolejo

### Oni laŭdas !

* S-ro *W. Bartel*, ano de UEA en Duisburg, treege dankas al la Londonaj samideanoj J. Gloser & Willcocks Wadham, Coventry pro helpo dum vojaĝo.

* S-ro *Leon Agourtine*, Ano de UEA en Paris dankas al jenaj delegitoj pro rapide plenumita grava servo faka: S-ro Kraus en Praha, S-ro Balkanyi en Budapest kaj D-ro Sós en Vieno.

* S-ro *Willy Schulze*, Ano 31781 en Gifhorn, German., kore dankas al la D de UEA en Tilburg S-ro E. Vossen kaj al D de UEA en Goch S-ro Haberler pro afabla akcepto kaj helpo dum vojaĝo.

* S-ro *Gahler*, delegito de UEA en Reinowitz, Ĉeĥoslovakio, dankas kore al sinjoro instruisto Markau, UEA-ano en Postdam por la afablega gvidado tra Potsdam kaj Sanssouci.

* S-ro *Serafim Vitanov*, Ano de UEA en Dupnico, Bulgar., kore dankas al jenaj samideanoj kiuj lin helpis dum lia vojaĝo: S-ro P. Balkanyi, D de UEA en Budapest, S-ro Rajmund Ĉech en Vieno, F-ino Geers en Antverpeno, S-ro Niŝimura en Paris, S-ro Rud. Unger en Zürich.

* S-ro *Ivan H. Krestanoff*, DM de UEA esprimas plej korajn dankojn al S-ro Bonini, D en Venezia, Luigi La Pila, VD en Milano, Ge-sroj Sergeant kaj S-ro Barthélémy en Boulogne-sur-Mer, S-ro Georges Perrin, D en Calais pro iliaj afablaj servoj dum vojaĝo.

* S-ro *Ed.Nikelsons* en Riga sincere dankas al estonaj samideanoj kiuj lin afable akceptis helpis kaj gvidis dum bicikla vojaĝo.

* S-ro *Vlado Jukl*, profesoro de komerca akademio en Bratislava, gvidinta porkongresan studentan ekskurson sincere dankas kaj salutas jenajn delegitojn kaj gesamideanojn:

Starke (Nürnberg), Hoeber, ge-Eschler (Mannheim), Funken (Koblenz), Wilbert (Köln), Jung (Horrem), Brihay, Schweingruber (Bruxelles), Boeren, Schoofs (Antverpeno), Mast, Petiau (Gent), Bénoit (Oost-Duinkerke), Deligny (St. Omer), Barthélémy, Duchochois (Boulogne), Gasse, Meunier, Noel (Le Havre), Gérard, Ferkö, Delanoue (Paris), kaj Bouvier, Damon, Borsa, Kocherhans, Elmiger (Genevo).

## REKLAMO

*MALLONGIGOJ;* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo. gaz.* = *gazeto.*

**Atentigo !**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto. Ni atentigas plie, ke la redakcio ne respondecas pri la tekstado.

### Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Auxerre* (France, Yonne) S-ro Dupuy, 5 rue Egalité,, monerojn, PM. Ĉiam resp.

*Babice u Uher. Hradiŝte* (Ĉehoslov.) S-ro Prececlitel, instruisto L, PK, PI kĉl.

*Baĉka-Palanka* (Jugoslav.) F-ino Hilda J. A. Schreiber, L nur pri ŝercaj temoj. Foto sub nenia kondiĉo ŝanĝota.

*Beauregard par Cançon* (France, Lot et Garonne) F-ino Emilienne Belloc, PI, PM, k. ĉ. l. Sendos saman nombron da francaj PM.

*Berchem-Antwerpen.* — S-ro A. Houben, Kemmelbergstraat 3, PM, PI bfl.

*Bodenbach* a.E. I. — 1014 (Ĉehoslovakio. S-ro Alfred Heinrich PI, L, PM.

*Bohunice — St. Liskovec* (Ĉehoslovakio) S-ro Labert Luniaczek, Zem, zahr. ovoc ustav, pri ĝardenistaj, fruktarbaj aferoj. Foto, L, PI, k.ĉ.l.

*Boryslaw* (Polujo) F-ino J. Ehrlich, skr, poczt. 167, 19 jara ĉarmulino PI, L, kun samideanoj ĉiulandaj. Deziras ricevi francajn precipe ilustritajn gazetojn. Povas sendi PM. Kiu abonos por ŝi la gazeton « L'Illustration » de Paris ? Ŝi rekompencos per PM kaj aliaj objektoj laŭdezire. Skribu tuj.

*Bucuresti* (Ruman.) S-ro Arpad Davidovic, str. Pascal, 18, PI k.ĉ.l.

*Bzenec na Moravè* (Ĉehoslov.) — S-ro Bedrich Kuhner PM, PI precipe kun Eŭropo, Oriento, Japanujo. Respondo garantiita.

*Chichester* (Brit. Sussex). S-ro A. T. Campbell, 5 North Walls, L PI k.ĉl. Korespondas ankaŭ franclingve.

*Dabrowa Gor* (Polujo). S-ro Jan Durnas, str. Narutowicza 36, L, PK pri laborista vivo k.ĉl. Certe respondos.

*Dabrowa Gor* (Polujo). S-ro Czesław Rabenda, VD de UEA, str, Krol. Jadwigi 22 PK, L kun seriozaj korespondantoj de ĉ. l. Certe resp.

*Danzig.* — S-ro C. Schombacher, Kaninchenberg 14, L., kunperfektaj geesperantistoj ĉ. l. escepte Germanujo, pri naciaj moroj, floraro, faŭno, tekniko, industrio komerco, trafiko, turismo, sporto, literaturo & muziko.

*Debreczen* (Hungar). S-ro Ferenc Mogyorosi, Borz utca 7, PI, bfl. L. (k.ĉ.l. escepte mezeŭropanoj).

*Eksjö* (Sved.) S-ro Gunnar Furhammer, Johannesberg, L, PK pri religiaj kaj sociaj temoj.

*Hirschberg* (German, Silezio.) S-ro Georg Sieche, Berndtenstr. 12, PI, k.ĉ.l. escepte Germanujo, bfl. Mi sendas PI de l'Giganta Montaro.
*Hradec Kralové* (Ĉehoslov.) O. Sklenĉka, ĈD de UEA serĉas korespondantojn por siaj studentoj kêl krom la najbaraj!
*Kameoka* (Japanujo.) S-ro Angecu Itoo, 26 jara, Ten' onkjoo, dez. interŝanĝi ideojn, precipe kun balkanoj.
*Kameoka* (Japanujo.) S-ro Kanakuo Osaki, 24 jara, Uĉimaru, L, PK, k.ĉ.l. pri seriozaj temoj. Certe resp.
*Köln-Bickendorf* (German.) S-ro Schultze, Rochusstrasse 35, Esp.
*Leipzig N. 22.* — S-ro Karl Preu, Pol. Mö. 4 B., PM., PL, gaz. gaz. PM minimume 300 nedifektitajn. Donas ankaŭ Danzig, Svedujon. (Esceptite Aŭstrio, Ĉehoslovakio, Polujo).
*Liverpool* (Angl.) F-ino E. J. Thatcher, 76 Langdale Road, Sefton Park k.ĉ.l. Precipe kun ĉinoj.
*Lübeck* (German.) D-ro Albin Möbusz, Falkenstrasse 12, serĉas
*Mexico D. F.* — S-ro M. C. Rodriguez, D de UEA, Apartado 2482, PM k. ĉ. l. krom Centra Eŭropo kaj Usono. Ankaŭ sendas PK. Ne akceptas bagatelajojn. Certe respondos. poŝtajojn afrankitajn per maŝinstampajo, ne per Poŝtmarkoj. Li donas kontraŭe PM Esp. sigelmarkojn k.t.p.
*Moskva* (S.S.S.R.) F-ino Zinaida Saskina, 57 Bulvar Smolenski. Zooteknika Instituto, PI, L., naciaj gazetoj & agrikulturaj.
*Mwanza* (Afriko, Tanganyika Territory.) S-ro L.G. Tonini, PI, monumentoj, palacoj, naciaj kostumoj, bfl.
*North Carlton N 4* (Aŭstralio, Vic.). S-ro D. McInnes, 887 Rathdown Street, por tri junuloj ĉ. 21 jaraj LPK. Ne kolektas PM.
*Nova Paka* (Ĉehoslov.) F-ino Bozena Regalova, instruistino, Staropacka 67 PI, L pri arto, literaturo k.at. esperante, france, germane kaj ehe.
*Przno p. Jablůnka n.B.* (Ĉehoslov.) S-ro Tomaŝ Machala, delegito de UEA L, PI kun naturgeamantoj en ĉ.l. Certe respondas.
*Sambor* (Polujo.) S-ro Jurzyna, Financa K. Direktoro, PM donas ĉiujn seriojn de Aŭstrio, Hungarujo, Bosnio, Polujo, Dancigo. Rekomendita sendo.
*Schwechat b. Wien* (Aŭstrio.) F-ino Thilde Kunze PI, L, PM, k.ĉ.l. escepte Aŭstrio, Ĉehoslovakio, Germanio, Certe respondas.
*Santa Fé* (Argentino.) S-ro Alfonso Liguori, Alvear 4257, PI, bfl. k.ĉ.l. PM kun progresintaj filatelistoj laŭ Yvert (escepte Ĉehoslovakio).
*Tarrasa* (Hispan. Barña.) S-ro Raphael Fernandez, PI, PM, bfl, k.ĉ.l. Tuj kaj certe respondas.
*Teplitz-Schönau* (Ĉehoslovakio.) F-ino Erna Zimmermann, juna knabino, Graupnergasse 4, L, PI, k.ĉ.l.
*Torino* (Italio.) S-ro Delprino Oreste, Via Montebello 9, L, PI.
*Udine* (Italio.) S-ro Edvardo Crainz, Via dei Teatri 10, PK, PM, k.ĉ.l. precipe kun orientaj landoj.
*Uimaharju* (Finlando.) S-ro Vilho Karttunen, L, PK kun geografistoj, fotografistoj, literaturistoj.
*Warrington* (Angl. Lancashire.) S-ro F. L. Martin, Belvoir, Stanley Ave. Gt. Sankey, PM laŭ Yvert 1928 k.ĉ. eŭropaj landoj, prefere rekomendite.
*Westerhall i/W.* (German.) S-ro Hans Hauwe, Elisabethstr. 6, PI k.ĉ.l.

# Petoj kaj Proponoj

## INTERNACIA KOMERCO

*Adresŝanĝo.* — Albin Johansson, antaŭe Valleberga — Ekeby, nun: Höganäs, Sandflysgatan, Sved.

*Adresŝanĝo.* — S-ro H. J. Tuinder, informas ke lia adreso depost unua de aŭgusto estas la jena: Departemento de Marino, Ned. Oost Indië kaj li volonte ree korespondos kun la antaŭ al gekorespondantoj.

*Averto duafoja.* — S-ro Antin Karatnyckyj, vicdel, de UEA el Kolomea (Pollando) sciigas, ke sekvantaj anoncintoj malgraŭ kelkfoja peto kaj publikigo en « Esperanto » No. 328 (Dec. 1927 j.) je rekomendita sendajo kun poŝtmarkoj tute ne respondis:
Armand Vrancken, Anwerpen (Belgujo)
Cecil Lowther, Brunswick (Australio)
Takeo Karakawa, Kioto (Japanujo)
Ivan Naumov, Varna (Bulgarujo)
Ligierri de Lincam, Huesca (Hispanujo)
Nevzad Bej, Tire (Turkujo)
Mi avertas ĉiujn novajn korespondantojn, al kiuj mi sendis rekomenditajn leterojn kun poŝtmarkoj kaj kelkajn poŝtkartojn kun peto respondi kaj kiuj tion ne plenumis, ke ili estos anoncitaj kiel malutiligitoj de Esperanto Korespondado.

*Deklaracio pri la Vero.* — Se vi volas kompreni la Biblion kaj se vi interesiĝas pri baldaŭaj okazontajoj kaj katastrofoj demandu senpagan libreton « Deklaracio pri la Vero » al: G. R. Martin, 43 Calmont Road, Bromley, Kent, Britlando.

*Dommastrinon,* serĉas A. J. Pettersson, Strandbaden pr. Sved.

*Ekspozicio.* — Japana Elementa Lernejo (famekonata lernejo en la urbo, Nagoya.) intencas aranĝi Ekspozicion de Desegnajoj, manfarotaj de geknaboj, en venonta Januaro. Tutmondaj Instruisto-Esperantistoj bonvole kolektu kaj sendu ilin kun Esperanta klarigo por sciigi praktikecon de Esperanto al la fleksiĝanta lernejo. Interŝanĝon ankaŭ volonte akceptas. Adresu: S-ro Joŝii ĉe Meirin Shoogakkoo, Nishiku, Nagoya, Japanio.

*Filatelistoj.* — Sendu diversajn PM mi sendas estonajn kaj latvajn. El Germanujo kaj Aŭstrio nur laŭ mankolisto. Katalogo Y. & T. kaj Michel 1928. S-ro J. Löhmus, Puiestee t.4. Valga, Estonio.

*Filatelistoj.* — Mi interŝanĝas PM de Polio, Sovetlando, kaj Ukraino k.ĉ.l. Kalkulo laŭ Yvert & Tellier. T. Tomalik, P.W. P. Zagozdion, Bollando.

*Filatelistoj.* — Sendu al mia poŝtĉekkonto 24905 du sved. kronojn kaj mi sendos al vi kompletan serion de svedaj jubileaj PM 1928 neuzitajn. Dek serioj kostas 15 sv. kr. Letero kun la PM rekomendita, afrankita per la jubileaj PM. G.W. Bodinson, Jarlavägen 2, Gefle. Sved.

*Olimpaj poŝtmarkoj.* — Nia societo presigis foliojn kaj dank' al afabla permeso de la poŝtdirektoro, povis transdoni ilin al tiuj vizitantoj de la Ludoj, kiuj aĉetis Olimpajn poŝtmarkojn en la helpa poŝtoficejo Amsterdam-Stadion. Entute 8600 ekzempleroj estas donitaj kaj senditaj tra la tuta mondo.

Ni havas malgrandan provizon da tiuj folioj, ĉiu kun plena serio de 8 Olimpaj markoj, stampitaj per la speciala stampilo, kiu hazarde montras kvinpintan stelon kaj kiu post la 12a de Aŭgusto ne plu estas uzita. Ni disponigas ĉi tiun maloftajon kontraŭ kontribuo je niaj kostoj de presado k.t.p. La prezo por ĉiu folio estas por niaj membroj 2 guldenoj, por membroj de la Lab. Fed. kaj de la Katolika Ligo 3 guldenoj, por aliaj 5 guldenoj. Alsendo okazos ĝis elĉerpiĝo de la provizo per registrita letero. Pagoj al mia poŝtkonto 48345, Amsterdam.

Estas sendita ekzemplero al la Nederlanda Poŝtmuzeo laŭ peto de ĝia Direktoro.

Neuzitaj folioj estas senkoste haveblaj ĉe mi. Mi atentigas ke la Oilmpaj poŝtmarkoj estas vendataj en la poŝtejoj ĝis 15 Septembro.

H. S. DONKER, Sekr., Ceintuurbaan 188, Amsterdam, Z.

*Poŝtmark-katalogo.* — Esperantistoj kolektantoj de poŝtmarkoj ni klopodu starigi la katalogojn nur en Esperanto. Amaso da opinioj nin helpos atingi la celon. Skribu al: Lienhardt & Naoumoff, 127, rue de Lille, Valenciennes, France, Nord.

*Stampoj* de Esp. grupoj societoj institutoj estas kolektataj de S-ro Robert de Kegel, D de UEA, Denterstraat 58, Aalst Belg. — Oni bonvolu sendi per PK.

*Vitro-pentrado.* — Pentri sur vitro ĉiu povas ellerni. Skriba kurso en Esperanto enhavanta tri paĝojn por Kĉ. 20.— kun pentrita glaso kiel specimeno. Afrankite sendas antaŭe sendita mono F-ino Marie Görtlerova Praha — Nusle 207, Ĉehoslovakio.

*Violonoj.* — Mi deziras prezojn per kvantoj da dek-du de ligno por violonoj, alta kvalito. Supra kaj malsupra tabuloj kaj apartaj partoj de violinoj, prefere el Italujo.

Henri Walc, 716 Rhodes Av. Toronto 6, Kanado.

# Premio-Konkurso de 500 Fkr. sv. de Esperanto-Korespondado :

Por diskonigi nian ilustritan monatan gazeton inter la esperantistaro kaj por ebligi al esperantanoj verkantaj la ekspluatadon de siaj kapabloj, ni decidiĝis aranĝi la jenan premi-konkurson :

1. Premiitaj estas originalaj aŭ tradukaj artikoloj en Esperanto pri ia ajn temo, ne pli longaj ol 2000 vortoj.
2. Disdonotaj estas 50 premioj :

| | |
|---|---|
| Unua premio: Unu skribmaŝino unuakvalita « Mignon » kun germana, esperanta kaj aliaj skriboj | 187.50 Frk. Sv. |
| Dua premio: Unu oleopentrajo, itala pejzaĝo | 57.50 » » |
| Tria premio: En kontanta mono | 50.00 » » |
| Kvara premio: En kontanta mono | 25.00 » » |
| Kvina = Dudeka premioj: Po Kvin Frk. | 80.00 » » |
| 21 - 30 a premioj: Po una abono al E.K. | 50.00 » » |
| 31 - 50 a premioj: 1 libro en Esperanto laŭ elekto po 2.50 Frk. | 50.00 » » |
| *SUMO* : Frk. Sv. | 500.00 Frk. Sv. |

3. Pri la disdono decidas la redakcio de E. K. Cia jurista procedo ne estas permesata.
4. La laborajoj estas sendotaj al la redakcio de E. K. kun surskribo « Konkurso ». Lasta dato estas la 15a de decembro 1928.
La nomoj de la premiitoj estas konatigataj en januara numero de E. K.
5. La ricevitaj manuskriptoj fariĝos posedajo de la redakcio.
6. Rajtas partopreni ĉiu abonanto de E. K. per po unu laborajo. Jara abono Unu usona dolaro aŭ egalvaloro.

**Esperanto-Korespondado, Ahornallee, 6**
**BRESLAU 18 (Germanlando)**



PRESEJO A. GRANCHAMP, ANNEMASSE.